# ESPERANTO

**Internacia Revuo, eldonata de la Universala Esperanto-Asocio**

**Fondinto : H. Hodler.†**
**Redaktoro : Robert Kreuz, L.K.**

**Redakcio : 1, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svislando**

# FLORENCO

## La strato de l'oficejoj
kaj la « malnova palaco »

*Neforgeseblan impreson donas rigardo en tiun ĉi parton de la urbo Florenco. La oficiala Kongres-programo en 1935 enhavas viziton al ĝi. Aliĝu do al la 27a Universala Kongreso de Esperanto !*

**ENHAVO :**



**31-a Jaro N° 414**

**FEBRUARO 1935**



# Universala Esperanto-Asocio



Centra Oficejo :
1, Tour de l'Ile, GENÈVE. Svisl.

## Oficiala Informilo

27-a Administra jaro 1934/5 :
N-ro 4 — Februaro 1935

*Ĉefdelegiteco Nederlando.*

Pro tio, ke per leteroj kaj cirkuleroj erarigaj informoj estas disvastigataj rilate la nomigon de nova ĉefdelegito por Nederlando, ni hodiaŭ reproduktas tie ĉi kliarigan leteron, adresitan al la Grupo « La Espero » en Roterdamo la 29.1.35. Ĝi estu samtempe respondo al individuaj leteroj pri tio, adresitaj al la Centra Oficejo.

Esperanto Grupo « LA ESPERO »,
Sekcio ROTTERDAM de « LEEN »,
Sinjoro P. Huisman, Sekretario,
Mathenesserweg 153, ROTTERDAM-West.

20.1.1935 Kr/RR. 29 januaro 1935.

*Administro/Ĉefdelegiteco.*

Estimata samideano,

antaŭ kelkaj tagoj ni ricevis vian cirkuleron de l' 20 januaro 1935, kiun ni legis kun plena atento. Ne povante, nek volante enmiksiĝi en iujn personajn aferojn, ni estas devigitaj tamen sciigi al vi la jenon :

Nia ĝisnuna ĉefdelegito s-ro. Telling *ne estas eksigita*, sed nur anstataŭita de s-ro. Mooy en Hago.

La nederlanda societo «LEEN», kiel landa asocio, aliĝinta al la interkonsento de Kolonjo, nomis novan ĉefdelegiton konforme al paragrafo 30 de la statuto de UEA. La prezidanto de UEA, konforme al la sama paragrafo konfirmis la nomigon.

Tiu ĉi procedo estas absolute korekta kaj konforma al la statuto de UEA, valida sen-escepte por ĉiuj membroj de la Universala Esperanto-Asocio. Ekzistas nenia privilegio pri kiu ajn ofico en nia asocio. Neniu plendo aŭ protesto estas rajtigita pri agoj aŭ ŝanĝoj, konsideritaj kiel necesaj kaj faritaj absolute korekte laŭ la menciita statuto.

Ni cetere deziras rimarkigi, ke ĉefdelegito estas funkciulo de la Universala-Esperanto-Asocio kaj ne de la landa organizo. Sekve de tio li ne estas « elektota » de la membroj de la landa organizo. Pro la teknikaj taskoj, kiujn li devas plenumi laŭ paragrafo 30 de nia statuto, lia enoficigo cetere ne povas esti dependigata de voĉdono. La posteno de ĉefdelegito celas laŭ-statute praktikan kunlaboron kun la landa asocio. Pro tio estas antaŭvidita nomigo fare de la landa asocio, interkonsente kun la prezidanto de UEA.

La konkludo en la sepa alineo de via cirkulero do estas maltrafa. Ni aldonas por via orientado ekzempleron de la statuto de UEA kaj atendas, ke vi ne disvastigos malĝustan informon.

Al s-ro. Telling estas skribe esprimita la oficiala danko de nia estraro pro la ĝisnuna, plur-jara agado por nia asocio.

Ni sendas kopion de ĉi tiu letero al la redakcio de la oficiala organo de « LEEN » por diskonigo al ĉiuj, kiuj probable ricevis vian cirkuleron.

Kun altestima saluto,
Universala Esperanto Asocio,
(subskribo) R. Kreuz, Direktoro.

*Funkciado de la C.O.*

Iom post iom la laboro de l'C.O. eniros regulan vojon. Ni petas pri afabla indulgo koncerne ne-eviteblajn malfruiĝojn. Ĉiu ricevita korespondaĵo estos bonorde pritraktata aŭ respondata.

*Eksteraj cirkuleroj kaj Monata raporto* al la estraranoj, komitatanoj k.c. gvidantoj post ne longe povos eliri denove regule.

*Foresto de la Direktoro.* Por speciala kuracado kaj ripozo la direktoro devige estas for de la C.O. por 10 tagoj.

### ADRESARO : NOVAJ LOKOJ KUN DELEGITOJ

**Francujo**

*Villeurbanne.* — M. Barret, 6, rue Jubin.

**Palestino**

*Haifa.*— Dr. Rudolf Hoffmann. Veg. Restaurant «Tahor». Nordaustr. 21.

### EKSIĜOJ KAJ FORSTREKOJ :

*Francujo:* Vervins.

Ĝenevo, 20 februaro 1935.

Robert Kreuz, Direktoro.

---

**Naskiĝo**

Al gesinjoroj Morris De Ketelaere, Antwerpen (Belgujo) naskiĝis filineto. Korajn bondezirojn.

**Fianĉiĝo**

F-ino Tordis Gjefle kaj S-ro Hans Lien, Hamar (Norvegujo), ambaŭ fidelaj esperantistoj, gefianĉiĝis je Kristnasko 1934. Koran gratulon !

### Niaj mortintoj

S-ro Joseph Rebouillon, Marseille, malnova amiko de UEA.

S-ro Louis Fries, Mulhouse, 9.7.1934.

S-ro Prof. Fernand Jammes, Del. UEA. Le Puy en Velay.

S-ro Fern. Aeby, Mulhouse, Francujo, 18.10.1934.

S-ro Dragutin Došek, Delegito de UEA en Bjelovar (Jugosl.)

S-ro Fern. Buecher, Del. UEA en Mulhouse perdis sian patron.

S-ro Fauchart, Delegito en Vervins, mortis la 18 Decembro 1934. Kvankam malsana, li estis fervora kaj konstanta propagandisto en sia urbo.

S-ro Joh. Andr. Seidenberg, Köln, Patrono de I.C.K. 21-12-34

S-ino Irma Rogler, edzino de Willibald Rogler Del. UEA en Köflach, Stirio, mortis neatendite la 11 novembro 1934. Ŝi estis tre vigla samideanino kaj kondukis kun sia edzo en 1920 infantransporton el Aŭstrio al Barcelono.

*Oni informis nin pri la morto de du rusaj esperanto-pioniroj, N. V. Korzlinskij (12 novembro 1933 en Königstein-Germanujo) kaj d-ro S. F. Poljanskij (3 marto 1934 en Leningrado)*

Korzlinskij estis dum kelkaj jaroj prezidanto de la Moskva Societo Esperantista, kiun li, el siaj monrimedoj, ekipis per riĉa meblaro, biblioteko kaj eĉ piano. Al lia laboro apartenas la kunverkado, redaktado kaj eldono de la Plena Rusa-Esperanto Vortaro, aperinta en Moskvo en 1910.

Poljanskij naskiĝis en 1863, lernis en gimnazio kaj poste en Kazanja Universitato, el kiu en 1887 li estis forigita kune kun Lenin, pro partopreno al la studenta striko. Tre frue li interesiĝis pri nia lingvo kaj estis kunlaboranto de *multaj unuaperiodaj esperanto-gazetoj. Dum sia tuta vivo* li multe propagandis la lingvon per leteroj kaj artikoloj en la gazetaro.

*Nekatolikoj*, kiuj deziras informojn pri la katolika kredo senpage povas ricevi ilin de Fr. M. Monulfus, sekretario de la Internacia Katolika Informejo. 's-Hertogenbosch, Nederlando.

# Optimismon !

La laborado por nia afero ne estas facila. Ĝi estas influata de multaj detaloj de la ĉiutaga vivo, kiujn ni neeviteble devas konsideri. Vere, de ĝusta kaj taŭga konsiderado de ili dependas la sukceso de nia agado. Nia vojo ĝis la celo ankoraŭ estas longa. Sed ni progresas konstante. Ni, malnovaj esperantistoj, povas tion plej bone konstati. Sufiĉas, ke ni faru rerigardon ĝis la tempo, kiam ni lernis Esperanton kaj komparu la nunan situacion. Antaŭ 20, 25. aŭ 30 jaroj Esperanto jen estis juĝata kiel utopio, jen kiel interesa, sed senespera eksperimento. Kaj ni renkontis nur dubon kaj mokon, kiam ni klopodis pruvi la malon. Forpasis la tempo ; multa, multa laboro estas farita. Post la milito kreiĝis nova situacio. La tuta mondo ŝanĝiĝis. Kaj la iama agado de niaj pioniroj portis frukton pli riĉan ol iam ni povis imagi. Nia lingvo disvastiĝis pli kaj pli. Ĝi trovis ne nur ĝeneralan intereson, sed ankaŭ adeptojn precipe en tiuj rondoj, kiuj iam plej rezistis al ĝi. Hodiaŭ Esperanto jam estas konsiderata kiel serioza afero. Ni estas sur la vojo, ke ĝi fariĝu faktoro de l'ĉiutaga vivo. Esperanto tamen ne kreskos sen ni. Ni devas iniciati ĝian disvastigon, ĝian lernadon kaj instruadon, ĝian uzon kaj praktikan aplikadon. Por atingi plian etapon al la fina celo, multa laboro ankoraŭ estas necesa. Pacienco kaj konvinko devas ĉiam doni al ni la forton por elteni. For la pesimismon, kiu signifas halton, stagnacion, morton ! Optimismo devas vivigi nin ! Ĉu la afero valoras la penon ? Ĉu la celo estas vere alloga ? Legu la sekvantan eltiron el letero ricevita de longjara delegito de nia asocio, kiu agis energie kaj efike, spite al sia izoliteco kaj ĉiuj malfacilaĵoj.

Sro. Inĝeniero Frederiko Aŭgusto Serpa en Ponte Delgado (San Miguel) en la Acoroj, demetante sian postenon diras :

« ... Mi venis tro malfrue al nia afero kaj tial nur malmulton povis fari. Mi tre bedaŭras forlasi la agadon je mia posteno, kiun mi tiom amis. Sed mia sanstato kaj miaj 88 ½ jaroj tion ne plu permesas. Tamen mi neniam forgesos nian superegan aferon KAJ ĈIAM, KIAM MI POVAS ĜIN HELPI, MI ALKUROS AL LA BREĈO. Tial mi ne diras al vi adiaŭ, sed



Inĝ. F.A. SERPA Delegito de UEA — Ponte Delgado S. Miguel (Acoroj)

« ĝis ĉiam ». Providenco, mi kredas, helpis al mi trovi tiun, kiun mi serĉis kaj kiu povas anstataŭi min pli bone ol mi revis... »

Samideanoj, kunbatalantoj ! Tion skribas viro inteligenta, vivosperta, ankoraŭ ĉiam vigla, kun ĉiam juna koro, al kiu la sorto donacis biblian aĝon. Ĉu ne eksterordinaran kvaliton devas enhavi afero, kiu instigas homon senti sin tiel profunde ligita, kun nia idealo ? Jes, ĝi devas esti io speciala kaj ĝi absolute valoras, ke ni nin donu al ĝi dum nia tuta vivo ! Kaj vi, kiuj laciĝis, vi, kiuj hezitas, ŝanceliĝas, ekmalinteresiĝas, ekkomencas fariĝi indiferentaj, konsciu daŭre pri la kultur-tasko de nia lingvo ! Pripensu, ke ni bezonas ĉies helpon, ankaŭ la vian, por antaŭenmarŝi. Sen tio nia celo restos ĉiam malproksima, multa jam farita peno senvaloriĝos kaj devas esti refarata.

Esperanto vivas kun ni ĉiuj, en ni ĉiuj, sed nur per niaj komunaj fortoj.

Imitu nian amikon ! Honoron kaj profundan respekton al li pro lia ekzemplo !

Robert KREUZ.

# La Problemo de Tutmonda Malarmado

IV.

### SENMILITARISMIGO ?

Malhelpado de militoj ĉe senĉesa armiĝado ĉiuflanka estas paradokso. Por ke oni forigu novajn militojn, antaŭ ĉio senmilitarismigo estas necesa, kiu ja per neniu leĝo estas kreebla. Senmilitarismigo postulas homojn, kiuj seniĝis de sia apatio kaj atingis konvinkon, ke nenio devas okazi sen ili aŭ eĉ kontraŭ ili.

*Demunto de l' militarisma koloso ne signifas nur kuraĝon, sed ankaŭ purajn pensojn, serenan koron kaj senkondiĉan adapton al ideo, kiu stariĝas ne momentajn, sed ankaŭ malproksimajn celojn.*

Senmilitarismigo estis antaŭvidita jam en la packontrakto de Versailles. Ĝian realigon oni ĝis hodiaŭ ne atingis pro sendube gravaj motivoj, kies plej grava estas certe la « *malfido* ». Sendube premadas ĉiujn ŝtatojn grandega budĝeto de armigo kaj certe ĉiu popolo same deziras, ke oni tamen jam transiru al la fakta senmilitarismigo. *Kaj la tuta tragiko ja estas la nepovo transiri de deziro al agoj.* Pruvoj, faritaj al tiu ĉi direkto, montras al ni grandajn penadojn, sed tre malgrandajn sukcesojn. Pli granda rezulto ja ne estas videbla ĝis nun ol kelkaj « senmilitarismigitaj » zonoj. Certe la timo estas tro granda.

Ĉi tie denove montriĝas la fakto, ke la problemo havas tute psikologian karakteron. La psikologion de tiu ĉi problemo plej bone lumigas la fakto, se ni asertas, *ke ĉe la problemo ne temas tiel pri intereso de popoloj, sed antaŭ ĉio pri interesoj de ŝtatoj* ! Tio estas ja tute komprenebla, se ni pripensas, ke ĉiu ŝtato — kvankam plejparte unuflanka — estas ekonomia tuto, kiu en ĝenerala malfido ne volas kiel unua riski la pruvon per eksperimento. Ŝajnas, kvazaŭ ni vivus en sorĉita rondo, el kiu ne ekzistas eliro...

Ne ! Kontraŭe : el ĉiu situacio eliro estas ebla, same ankaŭ el la militarismigo. Oni devas nur ŝanĝi la bazon, eble ne la ŝtatojn aŭ registarojn, sed la popolojn. La apatio de l'popoloj, ilia opinio, ke ili nenion povas entrepreni, estas tute falsa.

Epoko de senmoraliĝo, en kiu ni vivas, estas mallonge karakterizita per la konata eldiro « Après nous le déluge ». Se ni daŭrigas al sama direkto kiel ni faras hodiaŭ, niaj posteuloj ne nur suferos, sed sendube ankaŭ pereos. Jen la kerno de ĉiu malbono ; kaj pri tiu malbono kulpas la falsa pensomaniero de homoj. Strange estas, ke neniu penas tiun falsan pensadon forigi. *Kial neniu stariĝas inter ni, kiu per sia aŭtoritato aŭdigas la voĉon de l' popoloj kaj konkretigas iliajn dezirojn* ? Ĉu eble tiuj ĉi deziroj jam estas konkretigitaj per la deklaroj de diversaj ŝtatistoj t.e. per deklaroj, kiuj

ja estas juraj majstrajoj, sed al kiuj mankas plene ĉiu sentimento ?

Ĉie aŭdiĝas la aserto, ke pri ĉies malbono kulpas la fakto, ke ni en scienco kaj tekniko treege progresas, dum la juraj normoj restis malnovaj. Pli necese estus diri, ke ni vivas en nenuntempaj formoj de vivo, ĉar ili neniel harmonias kun la vivkondiĉoj, kiuj fakte estas donitaj al ni. Ĝis kiam ni ne ŝanĝos la vivoformojn fundamente : ĉiu « progreso » de la homaro influos nin per teruro, anstataŭ per plezuro.

Tagon post tago ni aŭdas la aserton de unuopaj ŝtatoj, ke ili parte jam « malarmiĝis ». Kiel pruvon ili citas la sekajn ciferojn, parolantajn pri la stato de armeo. Kial do la popoloj, malgraŭ tiuj faktoj, estas ĉiam pli maltrankviligataj ? Ili klare vidas, ke la efektiva militistaro vere estas malpli multnombra, *sed ke kontraŭe ĝia batalforto estas forte potencigita*, aŭ alivorte dirite, ke ni devas, por la estontaj militoj kalkuli pri la plej terura buĉado. Tiel la asertata senmilitarismigo alportas al ni ĝuste ion kontraŭan al tio, kion ni de ĝi atendas. *Tiaspeca senmilitarismigo konfirmas al ni denove tion, kio estis jam ofte akcentita, nome, ke la problemo de senmilitarismigo estas en ni mem, respektive en la popoloj kaj ne en la aŭtoritataj reprezentantoj de la ŝtatoj* !

Spirito de senmilitarismigo disvastiĝas tra la mondo per la priskribado de terurajoj, atendantaj nin dum la venontaj militoj. Sekvo de tiu ĉi propagando senmilitarismigitaj estas nur unuflanka, nome, la homoj estas ĉiam pli konfuzitaj, ne sciante, kion fari. Al ĝi mankas la direktivoj, kiamaniere konduti en la koncerna okazo. La nuntempaj laborantoj por senmilitarismigo agas sen iuj instrukcioj, ĉar ili parolas nur, por ke disvastiĝadu la rezisto kontraŭmilita. *Kaj tamen ne estas necese disvastigi reziston kontraŭ la milito, ĉar ĝi estas ja ĝenerala kaj elementa ; tial oni hodiaŭ ne povas paroli pri la pruvo alkonduki la popolojn al milito, sed nur pri la ordono, kiun devas ĉiuj obei* !

Sed la tempoj rapide ŝanĝiĝas...

J.K. Belltyn.

## Rapidveturantaj transport-ŝipoj

Norvergaj ŝip-posedantoj ŝajnas esti konvikitaj, ke nun estas tempo por konstrui rapidveturantajn transport-ŝipojn kun granda kapacito. Tri ŝipoj la « Berganger », la « Moldanger » kaj la « Frondanger », konstruitaj dum la lasta jaro por la trafiko inter Kalifornio kaj Eŭropo kaj apartenantaj al la Firmo Westfal, Larsen & Komp. havas rapidecon de proksimume po 15 ½ marmejloj ĉiuhore.

En kelkaj rondoj oni konsideras tiun ĉi rapidecon troigite granda, sed estas fakto, ke tiuj ĉi ŝipoj transportas tre grandajn ŝarĝojn.

Per sia lasta transport-ŝipo la Firmo Wilh. Wilhelmsen iris ankoraŭ paŝon antaŭen. Tiu ĉi ŝipo estas faranta la unuan vojaĝon al Aŭstralio kaj oni atendas, ke ĝi superos siajn konkurantojn, kiam la (neoficiala) « Woolderby race » okazos. Tiu ĉi nova ŝipo estas la « Trikoloro », la 34a motorŝipo, kiu estas konstruita por la samaj ŝip-posedantoj en malpli ol 12 jaroj. Ĝi eble estas tiu ŝipo, kiu havas la plej grandan maŝinkapaciton, kiu nuntempe estas veturanta. La tuta portkapacito estas 10.050 tunoj, kaj plenŝarĝite ĝis 7 coloj de la linio, la rapideco estas 16 mejloj ĉiuhore. La rapideco necesa por tiu ĉi kapacito por irigi la ŝipon, estas proksimume 10.000 indikatoraj ĉevalpovoj ĉe du helicoj. La grandeco de la ŝipo estas 470 futoj inter perpendikloj kun larĝo de 60 futoj 10 ½ coloj kaj akvoformovo de 27 futoj 6 coloj.

La maŝino estas same kiel la ŝipo, konstruita en Nederlando. La fabrikisto estas Fratoj Stork kaj Komp. Tiu ĉi Firmo donas denove ekzemplon de maŝinkonstruistoj, kiuj per fabriko situanta tute enlande, kapablas liveri maŝin-instalojn por mar-ŝipoj, konkurante kun la fonditaj ŝipmaŝin-konstruistoj en Anglujo kaj sur la kontinento.

La du motoroj estas laŭ modelo de la senkompresora ŝipo kaj estas ellaboritaj en Berlino en kunlaboro kun la Sveda desegnisto Hesselman de la konataj A.E.G.[1]-fabrikoj.

Neniu maŝino laŭ tiu tipo estas konstruita tie ĉi aŭ estas instalita en brita ŝipo, sed multaj estas lokigitaj en HAPAG[2]-transport-ŝipoj. La maŝinoj estas duoble moveblaj per du puŝaj senaeraj injektmotoroj, ambaŭ kun 6 cilindroj kun diametro de 600 mm. kaj pistopuŝo de 1.100 mm. Oni konstruis ilin laŭ garantio, ke la brulajkonsumo, se la ŝipo estas plene ŝarĝita, kun superfluo de 5 %, ne superos po 0,35 funtoj (0,160 kg.) por ĉiu ĉevalpova horo.

G. v. H.

### Fiŝoj lumigas lampojn

Antaŭ ne longe oni provis en la fama akvario de Monako lumigi elektrajn ampolojn per tio, ke oni proksimigis ilin al gimnotoj[3] kaj torpedoj[4] incitaj. Efektive la ampoloj eklumis momente, sed forte. Kiel konate tiuj ĉi fiŝoj kapablas sensentigi siajn malamikojn kaj viktimojn per fortaj elektraj batoj.

### Kiom da studentoj estas en la mondo ?

Laŭ statistiko farita, ekzistas en la tuta mondo 2.350.000 studentoj. 40 % el ili studas en Usono. Dualoke viciĝas la Sovet-Unio.

---

[1] *AEG* = Allgemeine Elektrizitäts-Gesellschaft, unu el la ĉefaj entreprenoj pri elektro kaj akcesoraj branĉoj en Germanujo.

[2] *HAPAG* = Hamburg-Amerikanische Paketfahrts-Aktien-Gesellschaft, unu el la plej grandaj ŝipkompanioj germanaj.

[3] Fiŝo, similas al angilo.

[4] Fiŝo, similas al rajo.

### Naĝantaj brikoj

En la franca gazetaro estas sciigata, ke post multjara eksperimentado oni sukcesis fabriki naĝantajn brikojn. Laŭdire ili ne estas malpli rezistecaj ol la ĝis nun fabrikitaj. La nova konstru-materialo estas produktata el neuzeblaj defalajoj kaj liverebla en ĉiuj koloroj. Oni ankaŭ asertas, ke oni povas trasegi ilin sammaniere kiel lignon.

### Radio dum 10 jaroj en Svedujo

La Sved-Internacia Gazetservo en Stokholmo sciigas per sia esperanta eldono, ke je la jarkomenciĝo la Sveda Radio-servo celebris sian dekjaran ekziston per speciala programo, en kiu partoprenis la ministro por komunikado, s-ro Leo.

La radioservo ekkomencis kun nur 40.000 licencoj, sed havas nun 730.000. Pli ol ĉiu deka persono do havas licencon.

## Intermiksitaj anoncoj

De Antono Ĉeĥov

Iam, dum la festtagoj, okazis en la presejo fatala afero, kiu cetere ne estas tre grava kaj ne kaŭzis konflikton kun la leĝo.

Kiam la kompostisto estis finkompostinta la anoncojn kaj volis enigi la liniojn en la preskadron, la tuta kompostajo falis teren. Ĥaose, tiel, kiel ĉio kuŝis tere, li reprenis kaj presis ĝin. La rezulto estis la sekvantaj tekstoj :

Pordisto je la 3a etaĝo, serĉas postenon kiel vartistino.

« Floroj kaj serpentoj » de L. I. Palmin ĉagrenplene sciigas la formorton de sia edzo kaj patro, la ĉambelano A. K. Pustokvasov.

Kun permeso de la alta registaro forkuris pedelo. Produkto de la tortobakejo Sion.

Nigra virĉevalo, unuaklasa trabanto, specialisto pro malsanoj de virinoj kaj nervoj donas lecionojn de skermado.

Vaporŝipkompanio serĉas postenon kiel servistino por ĉio.

La redakcio de la revuo « Niva » ofertas unulitajn ĉambrojn por akuŝintinoj. Diskreteco kaj komforto. Infanoj kaj soldatoj pagas la duonon. Ne estas allasite tuŝi la objektojn.

Estos vendotaj, pro translokiĝo, el la bankrot-pasivoj de la firmo Kriĉalov stomaka kancero kaj kario.

Pro la malklareta vetero plej bonaj artefaritaj dentoj ĉe D-ro Krafter. Rekviemoj ĉiutage.

Novecajoj ! La plej bela tolajaro por sinjorinoj kaj dotajoj por fianĉinoj nur haveblaj ĉe studento de matematiko, posedanto de ora medalo, kiu troviĝas en terura mizero.

Tag-kaj vespermanĝoj, riĉa menuo.

De post la 1 februaro aperas ne cenzurita la akuŝistino Dildina. Imito malpermesita.

Trad. R. K.

# Universala Esperanto-Asocio

**Por prezenti al la legantoj de „Esperanto" la estraranojn de UEA, elektitajn en Stokholmo kaj konfirmitajn per skriba voĉdono, ni daŭrigas publikigi iliajn bildojn kun mallonga biografio.**



Prof. D-ro St. Kamaryt

D-ro Stanislav Kamaryt naskiĝis la 10 oktobro 1883 en Veleŝin. Post vizito de mezlernejo, li studis filozofion kaj kemion en la universitato kaj akiris la gradon de doktoro de filozofio. Nuntempe li estas licea profesoro en Bratislava (Ĉeĥoslovakio).

Esperantisto depost 1900, li daŭre aktive partoprenas la organizon de la movado. En 1902 li kune kun Ed. Kühnl kaj Fr. Barth fondis la Esperantistan klubon en Praha, kiu estis la unua klubo por ĉeĥoj. Sekvis en 1907 la fondo (kun H. K. Bouska, V. Kraus kaj J. Barvir) de la ĉeĥa centro, Bohema Asocio Esperantista. Samtempe li kunredaktis kaj unu jaron eldonis la propagandan revuon « Bohema Esperantisto » (1907-1912).

Post la milito D-ro Kamaryt helpis kunigi la du antaŭmilitajn Esperanto-asociojn en la novan Ĉeĥoslovakan Asocion Esperantistan, kiu estis fondita en 1920. Li estis ĝia vicprezidanto kaj depost 1930 estas prezidanto. Li prezidis la XIII Universalan Kongreson en Praha.

Li multe laboris por la enpenetro de Esperanto en la publikajn lernejojn en Ĉeĥoslovakio, kiel oficiala fako. Ĉi tiu laboro rezultigis diversajn dekretojn, permesantajn instrui Esperanton kiel nedevigan fakon, oficialan aprobadon de lernolibroj kaj ekzamen-komisaroj ĉe la ŝtataj ekzamenaj komisionoj por popolaj kaj burĝaj lernejoj.

D-ro Kamaryt oficiale instruis Esperanton en la reallernejo kaj en la burĝa lernejo en Bratislava dum pluraj sinsekvaj jaroj. Li verkis multajn diverstemajn artikolojn, originalajn kaj tradukitajn. En 1934 aperis lia « Filozofia Vortaro ». Ekster la esperantista sfero li verkas pri filozofiaj kaj popularsciencaj demandoj. Liaj ĉefaj verkoj en tiu ĉi tereno estas : « Pri duobla vero » (1920), « Pri unusenceco de morala propozicio » (1926), « P. Bovet — Sento religia kaj psikologio de infano » (1930- traduko el la franca en la slovakan). Li estas membro de la « Sciencista Ŝafarik-societo ».

Li estas membro de la Lingva Komitato.

---

S-ro Ernfrid Malmgren naskiĝis la 3 novembro 1899 en Köping en meza Svedlando. Post abiturienta ekzameno li akiris diplomon de la komerca gimnazio de Stockholm Poste li studis en la stokholma universitato por la grado de filozofia magistro en ekonomia scienco kaj historio. Li trapasis la instruistan seminarion de Uppsala.

Poste li estis oficisto en komercaj firmoj en Stockholm, stenografia instruisto kaj depost 1922 instruisto en elementaj lernejoj en Stockholm. Depost 1926 li funkcias kiel afergvidanto de kooperativa domasocio kaj depost 1931 kiel revizoro por la estraro de paroĥo Högalid en Stockholm.



Ernfrid Malmgren

Li ekinteresiĝis por Esperanto en 1915, kaj de tiam faris prelegojn pri ĝi, sed pli firme ligiĝis al la movado nur en 1923.

Komisiita de la Sveda Esperanto-Instituto, li ekde 1928 aranĝis plurajn Esperanto-kursojn en Stockholm helpe de eksterlandaj instruistoj. En 1928 li iniciatis specialajn porinstruistajn somerkursojn en Esperanto, interkonsente kun la svedaj instruistaj unuiĝoj. Dum la jaroj 1929-1931 tiuj kursoj estis mone subvenciitaj de la sveda parlamento.

Li iniciatis en 1929 turistvojaĝojn inter Svedlando kaj Estonio kaj fondis la unuiĝon Esperanta Turista Asocio kies estraro estas nomata Esperanta Turista Komisiono.

Li organizis la prelegvojaĝon de la hindo Lakshmiswar Sinha, kiu en 1929-1930 traveturis Svedlandon kaj faris ĉ. 200 publikajn prelegojn, krome la prelegvojaĝojn de Joseph Scherer, de Reg. Konsilisto Hugo Steiner kaj de la java ĵurnalisto Raden Mustapha.

En 1931 li fariĝis sekretario de Sveda Esperanto-Federacio. Por la 26-a Universala Kongreso de Esperanto en Stockholm li laboris kiel ĝenerala sekretario.

Li verkis la jenajn librojn : « Sveda kantareto » en 1931 (4-a eldono en 1934), « Sistema kurso de Esperanto » — kunlabore kun H. Seppik — en 1932 (4-a eldono en 1934), « La Esperanto-klubo » en 1933, « Per kio ni amuzu nin » — kunlabore kun J. Rosenberg — en 1934.

Li havas nuntempe la jenajn oficojn : Sekretario en la estraro de Sveda Esperanto-Federacio, Sekretario-kasisto en la direkcio de Sveda Esperanto-Instituto, Prezidanto de Esperanta Turista Asocio kaj de ĝia estraro, la Esperanta Turista Komisiono, Ĉefdelegito de UEA por Svedlando. En la Dudeksesa li estis elektita Komitatano kaj estrarano de UEA.

---

## Raporto de la Sekcio de Eksteraj Aferoj

*Vidu ankaŭ la n-rojn 408/9, 412 kaj 413*

### *Radio*

Dank' al la modela laboro de la Internacia Radio-Komisiono, sub la prezido kaj gvidado de S-ro Joh. Jungfer en Lübben (Germanujo) la radio-kampo ankoraŭ ĉiam apartenas al la plej bone organizitaj. Precipe al la persista agado de la prezidanto mem, ni ŝuldas la regulan funkcion de ĉiuj kunlaborantoj.

Al ĉi tiu raporto estas aldonita aparta priskribo de la laboro, farita de la Komisiono. Ĝi montras, ke nia agado kompreneble estas influata de diversaj cirkonstancoj. Resume tamen povas esti dirate, ke ni senŝanĝe staras firme en tiu ĉi kampo. Se dumtempe ni devas cedi iujn poziciojn, aliaj sukcesoj kaj progresoj egalas tion. Evidente, necesas ade zorgi pri ĉiuj detaloj.

S-ro Jungfer dankinde zorgis mem pri regula apero de la bulteno de la komisiono « Internacia Radio-Servo ». La komisiono kaj la kunlaborantoj de la « Internacia Radio-Servo » modele faris tion. Al S-ro Joh. Jungfer kaj liaj kunlaborantoj ni prezentas per tio nian plenan rekonon pro ĉio, kion ili faris.

Ni donis laŭpove nian helpon kaj ankaŭ kunhelpis pri la financa certigo de la laboroj.

### *Rondvojaĝoj*

Diversaj proponoj por mond- aŭ parolad-vojaĝoj estis submetitaj al ni el diversaj landoj. Pro la ekstreme severaj kondiĉoj, kiujn ni starigis, neniu propono povis esti iel konsiderita. Ni cetere juĝis ne-oportuna aranĝon dum ĉi tiu tre kritika periodo.

### *Scienco*

Por helpi sciencan agadon per Esperanto ni intervenis por Aŭstrio, Japanujo kaj Mongolio.

### *Skolta Movado*

Rilataro kun la skolta movado estis vivtenita. Bedaŭrinde la gvidantaj instancoj de la skolta movado preskaŭ ĉiulande absolute ignoras nian lingvon. Grandegaj klopodoj devas ankoraŭ esti farataj por enpenetri tiun ĉi medion. La katolika skolta movado tendencas pli amike al nia afero.

La 12-a Skolta Tendaro de la Skolta Esperantista Ligo en Slovaka Regiono (Ĉeĥoslovakio), kiu okazos de 16-31 julio resp. 4 aŭgusto en Banska Bystrica, honorigis la prezidanton de nia asocio S-ron. Stettler kaj la direktoron de la Sekcio de Eksteraj Aferoj de UEA per invito al honora protektorato de ĉi tiu tendaro. La Centro de Slovakaj Skoltoj por Slovakio subtenis la honorigon.

### *Stenografio*

La nura allaso de propagando por la oficiala unueca stenografi-sistemo en Germanujo perdigis al nia movado la intereson kaj aplikon de Esperanto de kelkaj stenografi-skoloj.

Ni entreprenis paŝojn por eviti perdon de la valora laboro, kiu estis farita de la Intersteno-movado, instigita de la nacionalstenografia skolo germana. La organo de la Intersteno-movado bedaŭrinde ĉesis aperi. Ni ankoraŭ ne povas ion diri pri la rezulto de nia klopodo.

La kreskantan intereson pri Esperanto-stenografio pruvas a pliiĝantaj informpetoj, direktitaj al ni el Aŭstrio, Brazilo, Cipro, Fed. Malajo-Ŝtatoj, Mongolio, Nederlando kaj Togo.

Okaze de la 100-jar-festo de Duployé, la « Stenografia Instituto de Francujo » honorigis S-ron Rob. Kreuz, Ĝenevo, per transdono de diplomo pro liaj meritoj pri stenografio kaj komerca klerigo. Samokaze kelkaj aliaj esperanto-stenografoj estis distingitaj de la nomita instituto.

La germana stenografi-organo « Kurzschrift & Wissenschaft » (Stenografio kaj Scienco), fak-aldono al la Germana Stenografi-Gazeto, Dresden-A jam en 1929 publikigis novan esperanto-alfaron de Hofmann al la oficiala unueca sistemo germana. En la numero julio-aŭgusto 1933 (8a jarkolekto) estas publikigita komparo inter la esp. alfaroj de Wallon, Hofmann kaj Fried. Ellersiek, kun la celo trovi bazon por unuecigi la 3 formojn.

S-ro Rob. Kreuz, Ĝenevo, instigita de interesito en Nederlando, starigis Esperanto-alfaron de la nederlanda stenografi-sistemo Stolze-Wéry. Ni atendas, ke la alfaro estos publikigata en organo stenografia de tiu ĉi skolo.

La dana stenografi-gazeto « Stenografisk Tidskrift », organo de la dana stenograf-unuiĝo en Aarhus, aldonis al sia numero 12/1933 (39-a jar-kolekto) ok-paĝan alfaron de la

dana sistemo Worms (Schrey-Worms), prilaboritan de Rob. Kreuz kaj reviziitan de parlamenta stenografo kaj sistemeltrovinto A. Worms, Kopenhago, sub la titolo « Kortfattet Oversigt over Worms' (Schrey-Worms) System paa Esperanto » (Sistem-resumo de la Esperanta Stenografio Worms = Schrey-Worms). S-ro Worms, kiu cetere estas malnova adepto de nia lingvo, samtempe publikigis artikolon pri Esperanto en tiu ĉi numero.

La kunredaktoro de « Steno », de la nederlanda skolo Groote, nia samideano S-ro B. P. Roubos en Dordrecht, regule aperigas en tiu ĉi organo, inter la fremdlingvaj stenografi-ekzercoj, tiajn en Esperanto laŭ alfaro Roubos-Cogen.

La Internacia Asocio de Esperantistoj-Stenografistoj agadis kiel antaŭe kaj daŭrigis la aperigon de sia kvaronjara bulteno « Internacia Stenografisto ».

Ŝajnas, ke ĉie laŭcela laboro estas farata en tiu ĉi kampo. Estus necese koncentri la rezulton kaj direkti ĝin en praktikan vojon, tiel por utilo de la koncernaj personoj, kiel por la esperanto-praktiko mem.

*Ŝlosiloj de Esperanto*

La Sekcio de Eksteraj Aferoj de UEA transprenis la laboron por la ŝlosiloj de Esperanto, antaŭe faritan de la ICK. Sekve de tio ĝi nun faras kontraktojn pri traduk- kaj eldon-rajtoj kun interesitoj pri ŝlosiloj de Esperanto laŭ normo de UEA (Serio komencita de ICK).

Spite al la krizo

*aperis en 1933-34*

la eldonoj en islanda kaj serba lingvoj (ĉi-lasta en cirila skribo). Ambaŭ eldonoj estas la unuaj en tiuj ĉi lingvoj kaj per sia apero forigis delonge sentitan mankon. Por ambaŭ financa subteno estis donita el nia « Fundo de ŝlosiloj ».

*En preso*

estas la eldonoj en bulgara kaj sudafrika (kabholanda) lingvoj.

Ni atendas la aperon de ĉeĥa eldono laŭnorma.

Kontrakto estas renovigita pri aperigo de 2-a eldono en estona lingvo.

Pro ne-akcepto de la norm-kondiĉoj ni devis rezigni pri akcepto en la serion de eldono en finlanda lingvo. La eldonistoj simple represis malnovan ŝlosilon per matricoj, en kvanto momente bezonita.

De post du jaroj ni vane klopodis progresigi la elvenon de nova eldono de franca ŝlosilo. La reapero denove prokrastiĝis pro tiuj kaŭzoj kaj estas nun avizita por la monato julio 1934. Intertempe ni estas en granda embaraso pro manko de la eldono en la serio.

Kontrakto estas farita kun la Centra Librejo en Hago pri eldono de ŝlosilo en frisa lingvo.

Pro ekonomiaj malfacilaĵoj la germana eldono ankoraŭ ne estas reaperigita, sed ni esperas, ke tio povos okazi baldaŭ.

Same estas pri norm-eldono de ŝlosilo en kimra lingvo.

Dua norm-eldono de nederlanda ŝlosilo (10-a represo), komplete reviziita, okazos en aŭtuno.

Ankaŭ dua norm-eldono de norvega ŝlosilo estas en preparo.

Noveldono de sveda ŝlosilo (121-140 miloj !) estas prokrastita por ne longe.

Dua eldono de ŝlosilo slovaka, elĉerpita kaj reaperigota pro ortografi-reformo, estas certigita.

Traktado estas finigota pri aperigo de rusa ŝlosilo, urĝe bezonata en Estonio.

La preso de l'turka ŝlosilo prokrastiĝis pro malfruo de respondo de la presejo.

*Manuskriptoj pretaj:*

Ni disponas pri uzeblaj manuskriptoj en la sekvantaj lingvoj : armena (reviziita kaj transskribita laŭ korekta ortografio), hindustana (en araba kaj latina alfabetoj, kompletigotaj), en guĝerata lingvo (prespreta), en kartvela lingvo (ankoraŭ mankas revizoro). La ĥinan manuskripton la Ŝanhaja Esperanto-Asocio aperigas en sia monata organo por posta reprodukto per kliŝoj. Ni esperas, ke tio estos ebla ĝis fino de 1934 ; en malgaŝa lingvo (ĵus kompletigata). La manuskripto en suahila lingvo povas esti presata post fino de nia korespondado pri financigo de la eldono.

*Ŝlosiloj en preparo:*

Manuskriptoj estas en prilaboro por la sekvantaj lingvoj : baska, dana kaj irlanda ; por ekster-Eŭropo, en anama, bengala, hinda (en devanagari-skribo), hindustana (en arabaj literoj), en java kaj sunda lingvoj (Ned. Hindujo).

Por la preparo en hindaj lingvoj, la jam ekzistantaj manuskriptoj nekompletaj, estas utiligataj.

*Ekzistas nun, laŭ normo de UEA, 28 Ŝlosiloj.*

Ni klopodas ankoraŭ pri apero de eldono en lingvoj greka, kataluna kaj malta (Malta Insulo), plie por ŝlosiloj en la lingvoj evea (Togo), korea (Koreo), hebrea (Palestino), madura (Ned. Hindujo), malajama (Travankoro, Brita Hind.) mongola (Mongolio) kaj tamila (Brita Hindujo).

Donacoj por la « Fundo de ŝlosiloj » (v. s. Financoj) estas volonte akceptataj kiam ajn.

Ni devas esprimi tie ĉi koran dankon al ĉiuj oferintoj, kiuj helpis al pligrandigo de la nomita fundo, same al tiuj samideanoj, kiuj plenumis la ne-facilan taskon, prilabori manuskripton por ŝlosil-eldono.

*Tekniko a.s.*

Interesiĝinte pri Esperanto en la normigo, ni sekvis la ekzemplon de la antaŭa ICK kaj adoptis la internacian normon laŭ DIN por niaj leter-paperoj kaj -formuloj. Ankaŭ ĉi tiu raporto unuan fojon aperas en norm-formato de 148 × 210 mm. (DIN, A 5).

Ni daŭrigis, en kunagado kun D-ro Inĝ. Wüster, Wieselburg a/E. (Aŭstrio) preparojn por sukcesigo de grava iniciato en la kampo de internacia normigo. Ni klopodis krome trovi taŭgajn kunlaborantojn-fakulojn pro formado de labor-komisiono. Ni tiucele ankaŭ havis korespondan rilataron kun S-ro E. Drezen, prezidanto de SEU, Moskvo, kaj membro de la soveta komitato por normigo.

*Turismo*

Okaze de la 25-a Universala Kongreso de Esperanto en Kolonjo, la trafika oficejo de ĉi tiu urbo aperigis belegan prospekton en Esperanto. La Norvega Ligo submetis al ni prospekt-folion « La Norvega Lando », aldonita al seslingva turisma broŝuro, unuan fojon eldonitan de la Norvega Turisma Asocio sub ŝtataj aŭspicioj. La prezidanto

de la Hispana Asocio, S-ro Leŭt.-Kolonelo Mangada-Rosenörn, Madrido, prezentis al ni ampleksan gvidlibron « Santander », aperigitan dank' al financa subteno de la Nacia Patronato de l' Turismo en Madrido. La prezidanto de ĈAE, S-ro Prof. D-ro St. Kamaryt, instigis la Slovakan Turisman Asocion en Bratislava pri eldono de esp. gvidilo « Unua Slovaka Kristana Princo », eldonita okaze de la « Pribina-festoj » en Nitra. La trafika unuiĝo Kaiserslautern (Palatinato, Germanujo) transsendis al ni bonegan prospekton pri tiu ĉi urbo, en Esperanto.

Oni informis nin pri starigo de esperanto-fako ĉe la pola turisma klubo en Varsovio.

Laŭ iniciato de S-ro Reg. Konsil. Hugo Steiner, la Federacia Ministro por Komerco kaj Trafiko aperigis, okaze de la Konferenco de Vieno, tre modernan plurkoloran prospekton « Aŭstrio vin invitas » kun speciala atentigo pri la nomita konferenco. Samtempe aperigita prospekto pri Tirolo montras, ke nuntempe Aŭstrio staras en la unua vico rilate tiajn aperaĵojn.

Nia korespondantino, F-ino Noll, Kopenhago, sukcesis atingi la eldonon de nova dek-paĝa, tre bela, imprese aranĝita prospekto « Danlando, dumtempe la plej malkara turistlando », disvastigita de la Turisma Unuiĝo por Danlando en Kopenhago.

Broŝuro « O Rio Maravilhoso » (300 pĝ.) eldonita de S-ro Amandio Soares, stacia ĉefo de la fervoja kompanio Corcovado en Rio de Janeiro, enhavas bonegan ĉapitron en Esperanto.

Laŭ nia propra iniciato, la Turisma Unuiĝo de Liĥtenstejno eldonis, sub la aŭspicioj de nia asocio, kvar-lingvan prospekton (5000 ekzempleroj), riĉe ilustritan, kun tekstoj en la lingvoj angla, franca, itala kaj esperanto.

Ni korespondis pri tiuj eldonaĵoj kaj i.a. donis teknikajn konsilojn tiurilatajn.

La aperigo de gvidfolioj k.s. sub la aŭspicioj de la Turisma Servo de UEA, estas tasko de la Sekcio de Internaj Aferoj. Detalojn enhavas la raporto de tiu sekcio.

*Zamenhof-stratoj*

La lastjara raporto de ICK registris 32 Zamenhof-stratojn. Ni devas korektigi la liston donitan, atentigante, ke ne en Riga, sed en Liepaja (Latvio) ekzistas Zamenhof-strato. Novaj Zamenhof-stratoj estis anoncitaj al ni en : Bratislava (Ĉeĥoslovakio), Mulhouse (Francujo) kaj Santander (Hispanujo). La hodiaŭa nombro do estas 39 stratoj.

Oni informis nin ankoraŭ pri ekzisto de Zamenhof-stratoj en 3 aliaj urboj, sed ni ne sukcesis ricevi aŭtentikan pruvon pri tio.

*Malgrandaj ŝtatoj, k.a.*

Nia penado plivastigi nian bazon en *Albanio* renkontis sufiĉe da malfacilaĵoj. Bedaŭrinde neniu el la esperantistoj konataj al ni, interesiĝis pri nia iniciatemo. Ni devas havi paciencon kaj daŭrigi niajn paŝojn.

Okaze de nia vojaĝo tra Hispanujo kaj Katalunujo ni restadis mallongan tempon en la malgranda respubliko *Andoro*. Ni faris diversajn vizitojn al interesitoj kaj klopodis starigi rilatojn kun la tieaj aŭtoritatoj. La detaloj devas evoluiĝi.

Ni hazarde malkovris fervoran adepton de nia lingvo en la persono de S-ro J. Pujol-Huguet en Sant Julia de Loria, nevo de nia malnova delegito, S-ro Huguet en Meknès (Maroko). Ni esperas per lia helpo krei bazon por nia afero en tiu ĉi landeto.

# FAKTOJ POR LA PROPAGANDO

Reĝo Leopold III de Belgujo konsentis resti Honora Prezidanto de la Belga Ligo Esperantista, kies protektoraton li jam havis antaŭ ol fariĝi reĝo.

La unua Brazila Filatelia Kongreso okazinta en Rio de Janeiro aprobis deziresprimon por ke la filatelilaj asocioj rekomendu al siaj membroj la lernadon de Esperanto.

La Urbestraro de Bischeim (Elzaso) decidis nomi straton « Rue de l'Esperanto ».

— Okaze de la 75-a datreveno de la naskiĝtago de D-ro Zamenhof la japanaj radiostacioj de Tokio, Osaka, Nagoja, Keijo, Sendai, Niigata kaj Akita dissendis paroladojn pri Zamenhof kaj Esperanto. La paroladojn faris D-ro Seiho Niŝi, prof. ĉe la universitato de Tokio, s-ro Riei Hasegaŭa, prof. ĉe la universitato de Keijo, s-ro Kikuzawa-Sueo, prof. ĉe la Mijagi Virina Kolegio, s-ro Yoshio Kubo kaj s-ro Kim-Oko.

— La Sveda Drama Teatro-Trupo, kies fondinto kaj gvidanto estas la fama reĝisoro Sandro Malmquist, prezentis en la Popolteatro de Göteborg (Svedujo) la komedion de August Strindberg « Ludi kun la fajro » en esperanta traduko. La gazetaro trovis, ke Esperanto posedas grandajn scenejajn kvalitojn pro sia riĉeco kaj belsoneco. La trupo intencas prezenti teatraĵojn en Esperanto en diversaj landoj de Eŭropo.

— Novjarajn bondezirojn la irlandaj radiostacioj de Athlone, Cork kaj Dublin dissendis en la lingvoj angla, dana, franca, germana, hispana, irlanda, kimra, pola, skota kaj esperanta.

— En la Nacia Teknika Lernejo en Dublin (Irlando) la Ŝtata Eduka Komitato starigis oficialan kurson de Esperanto, sub gvidado de s-ro Locán Oh Uiginn.

— La Publika Lernejo por Orientaj Lingvoj kaj Konsula Akademio en Vieno (Öffentliche Lehranstalt für Orientalische Sprachen, Konsular-Akademie, Wien IX, Boltzmanngasse 16, Aŭstrio) kiu havas kursojn de la lingvoj albana, angla, araba, bulgara, ĉeĥa, ĉina, franca, greka, hispana, hungara, itala, japana, kroata, persa, rumana, rusa, kaj serba, decidis aranĝi ankaŭ Esperanto-kurson.

---

Dum pluraj vizitoj en *Liĥtenstejno* ni antaŭenpuŝis la intereson de nove fonditaj lokaj turismaj organizoj pri uzo de Esperanto.

UEA nun estas reprezentita tie de D-ro Kaufmann, delegito en Schaan.

Ankaŭ en *Luksemburgo* okazis plia preparo, faciligita per la nuna restado de D-ro Solzbacher, redaktoro de « La Juna Batalanto » (MOKA) kaj delegito en Luxembourg-Eich.

Fine ni povas anonci la starigon de esperanto-grupo en *Monako*.

Rilatoj kun *S. Marino* ĉesis pro grava malsano de nia iama delegito, S-ro Pastro Don Settimio Nicolini en Borgo-Maggiore.

Ni serĉadis rilatojn kun interesitoj en *Malto*. Okaze de vojaĝo tra Hispanujo ni havis la plezuron konatiĝi kun nia delegito en *Gibraltaro*, S-ro Edwards, kaj esplori propagandeblecojn en tiu ĉi izola duon-insulo.

— La nova oficiala gvidlibro de la subtera fervojo en Parizo enhavas klarigon pri la uzado de la gvidlibro ankaŭ en Esperanto.

— La organo de la Flandra Turista Ligo (Vlaamsche Toeristenbond Antwerpen), aperanta en 100.000 ekz., regule enhavas esperanto-rubrikon.

— Por honorigo de la eminenta meteorologo Efektiva Sekreta Konsilisto de la Admiralitato, Prof. D-ro Vladimir Köppen la Hamburga strato, en kiu li loĝadis dum multaj jaroj, ricevis la nomon « Köppenstrasse ». Malgraŭ siaj 88 jaroj, Professoro Köppen ankoraŭ laboras science. Li kaj lia edzino estas fervoraj esperantistoj.

La Sved-Internacia Gazetservo, Stokholmo, regule dissendas al gazetoj, esperanto-institucioj kaj konataj esperantistoj tra la mondo inform-bultenon en Esperanto.

La indo-ĥina gazetaro multe helpas la propagandon. En Hanoï, « La Patrie Annamite » finis esperanto-kurson kaj daŭrigas sian esperanto-rubrikon. « L'Annam Nouveau » havas esperanto-kronikon, kaj fine, la revuo « Van Hoc Tap Chi » eldonas monatan 16-paĝan revuon pri kaj en Esperanto. En Vinh (Annam) la gazetoj « Thanh Nghé Tinh » kaj Ban Tre » publikigas esperanto-kurson, en anama lingvo. En Saïgon (Koŝinĥinujo), la gazetoj « Duoc Nha Nam » kaj « Saïgon » enhavas artikolon pri Esperanto.

# KRONIKO

*Nov-Jorko.* Okaze de la naskiĝtago de Zamenhof la *Esperanto-Klubo Harmonio* aranĝis grandan feston en la konata restoracio Maison Gerard.

*Tel-Aviv* (Palestino). — La 75a naskiĝtago de Zamenhof estis solene festita en la ĵus malfermita propra hejmo de la Klubo. Ĉeestis ankaŭ esperantistoj el Jerusalemo. Estis sukcese aranĝitaj prelegoj kaj deklamoj.

*Budapest.* — La Esperanto-Rondo Amika solene malfermis en la pasinta monato novan propran ejon (VII, Thököly-ut 28.II.6). Prezidis Julio Baghy; salutvortojn diris i.a. eksministro Benárd. Per helpo de kelkaj oferemaj anoj la klubejo estas bele kaj komforte aranĝita.

— En la pasinta monato la honora prezidanto de la Hungarlanda Esperanto-Societo, unu el la plej malnovaj membroj de UEA, registara konsilanto D-ro Samuelo Patai, festis sian 75 jaran naskiĝtagon. Deputitoj de la esp.-societoj kaj de UEA vizitis lin por transdoni al li la salutojn kaj bondezirojn de la Esperantistaro.

— La komitato de HES pritraktis en kunsido la projekton de Tutlanda Esperanto-Federacio kaj principe akceptis aliĝi al ĝi. La komitato decidis plue, ke la membroj de HES devas laŭeble fariĝi *aktivaj membroj* de UEA. La « Hungara Heroldo » denove aperos en eldono de L. Kökény.

— *Chalons-s-Marne* (Francujo) fondiĝis klubo Esperantista en la Porinĝeniera Lernejo pri Artoj kaj Metioj (20 anoj deziras korespondi eksterlande).

— La Flandra Ligo Esperantista komisiis al S-ro G. Lenaers la pergazetan propagandon en Flandrujo. Ĉiun semajnon aperas en kelkaj dekoj da gazetoj informoj pri la okazintajoj esperantistaj.

*Hago.* — En la vespero, aranĝita de la sekcio de la Nederlanda Esperanto-Societo « LEEN » pro la memoro de la naskiĝtago de Zamenhof, interesan paroladon faris f-ino J. Baudin, la iama helpsekretariino de la ICK, el Ĝenevo. Poste S-ro J. Ravestein el Hago montris filmon, kiun li faris pri la kongreso en Stokholmo. La filmo ampleksas la vojaĝon de la karavano de Ellersiek de Stettin tra Kopenhago kaj Oslo ĝis Stokholmo, la restadon en Stokholmo, la diversajn naciajn kostumojn de la kongresanoj kaj fine la postkongresan vojaĝon al Laplando.

— « Verda Stelo » estas la titolo de nova Esperanto-revuo, kies unua numero ĵus aperis en Aŭstrio. Ni povus ĝoji pri tiu ĉi nova kunfrato, se ĝi kontentigus ekzistantan bezonon. Bedaŭrinde ni devas timi, ke la nova revuo ne signifas fortigon, sed male. Ĉu ne estus pli utile por nia afero disponigi la monrimedojn, bezonatajn de « Verda Stelo » al la centra organo de la landa Esperanto-asocio ? La redakcia deklaro pri manko al la aŭstria esperantistaro de esperantolingva gazeto ŝajnas iom stranga. Ĝis nun ni ne aŭdis plendojn pri nesufiĉa nombro da gazetoj en Esperanto.

— La organo de la Sveda Esperanto-Federacio, « La Espero », aperas ekde la nuna jaro en granda formato kaj ankoraŭ pli belaspekta kaj pli riĉenhava ol ĝis nun.

### « The British Esperantist »

Kun la numero de Jan. 1935, ĉi tiu gazeto (la oficiala organo de La Brita Esperantista Asocio) komencas sian 30-an jaron. La formato estas nun pligrandigita. B. E. verŝajne partoprenas kun « Germana Esperantisto » la honoron esti la plej aĝa Esperanta gazeto nun aperanta. « B.E. » unue aperis en Jan. 1905 kaj aligis al si la gazeton « The Esperantist », kiu unue aperis en Nov. 1903. « G.E. » unue aperis en Jan. 1905 ; ĝi estis kvazaŭ daŭrigo de la flugfolio « Esperantaj Sciigoj », kiu unue aperis en Feb. 1904.

### B.E.A. Aŭtomobilo

Dum 1934 la aŭtomobilo de la Brita Esperantista Asocio vojaĝis proksimume 25.000 mejlojn. Oni faris specimenajn lecionojn en 82 lernejoj, vizitis 37 kunvenojn de grupoj aŭ Federacioj, kaj faris 64 propagandajn prelegojn antaŭ aliaj kunvenoj ne esperantistaj. Dum la vizitoj oni vendis librojn ĝis la valoro de £100. Tiu vojaĝado certe tre helpas vigligi la movadon en Britujo.

### Esperanto kaj Edukado

Je 5 Januaro, en la Konsilantara Ĉambro de la Universitata Kolegio, Londono, okazis kunveno de 30 geinstruistoj el tuta Anglujo, pro priparoli demandojn rilate al la instruo de Esperanto en la lernejoj. Inter la aferoj diskutitaj estis : (*a*) Propono provizi premiojn por sukcesintoj ĉe konkurso ĉiujara en ĉiu lernejo, en kiu oni instruas Esperanton, (*b*) Interŝanĝo de spertoj rilate la instruon kaj enkondukon de Esperanto en div. lernejoj, (*c*) La sinteno de inspektistoj kaj aliaj aŭtoritatuloj (ordinare multe pli favora, ol oni povus antaŭsupozi), (*d*) Metodoj diskonigi la utilecon de la instruo de Esperanto en la lernejo.

Oni ricevis utilajn ideojn por posta konsidero. La kunveno estis kunvokita de la Edukada Komitato de la B.E.A. (Sek-o, F-ino V.C. Nixon).

### Parolado pri Esperanto sur Itala Ŝipo

La 17 Januaro sur moderna luksa rapidega motorŝipo : « Neptunia » de la kompanio Cosulich-Trieste (Italujo), revenante en ordinara vojaĝo el Suda Ameriko, nia samideano Prof. Agostino Stellacci, kapelano de la sama ŝipo, parolis en la salono de la turisma klaso, antaŭ multaj pasaĝeroj, oficiroj kaj maristoj de la tiea « Dopolavoro » (Postlaboro) rondo pri « Esperanto, ĝia aŭtoro, ĝia valoro kiel trafa propagandilo de Italujo eksterlande ».

La grava, sprita parolado vekis grandan intereson pri nia lingvo kaj estas unua paŝo por enkonduki esperantan lernadon inter la italaj maristoj de tiu ĉi grava markompanio. La parolanto verŝajne gvidos kurson sur la ŝipo por la kunvojaĝantaj oficiroj kaj maristoj.




# 27-A UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

11-a SOMERA UNIVERSITATO
KONGRESA KROZADO

3-10-17 DE AŬGUSTO 1935

## DUA OFICIALA KOMUNIKO

La Unua Oficiala Komuniko aperis en la Kongresa gazeto « L'Esperanto », oficiala organo de Itala Esperanto-Federacio, n-ro 11-12, 1934 (sept.-okt.), en « Esperanto » 1934, n-ro 10-11 (okt.-nov.), en « Heroldo de Esperanto », 1934, n-ro 45 (11 nov.) kaj en aliaj Esperanto-gazetoj.

1. *Patronado!* — Bonvolis eniri la Patronadan Komitaton ankaŭ Lia Ekscelenco, Ŝtata Ministro, Senatano Adv. Markizo Giuseppe de' Capitani d'Arzago, Prezidanto de la Internacia Instituto pri la Ŝparado; kaj la Itala Blindul-Unio.

2. *Loka Kongresa Komitato.* — Aliaj Membroj eniris ĝin, nomitaj de la Prezidanto.

Jen la plena la listo : a) *Estraro :* Prez. : Generalo Markizo Carlo Cordero di Montezemolo; V. Prez. : D-ro Prof-ro Giorgio Canuto; Adm. Direktoro : D-ro Inĝ. Rinaldo Orengo; Libt. Attilio Clavenna; Geom. Kav. Franco Bodini.

b) *Sekretarioj :* F-ino Prof. Paola Mellina; Libt. Pietro Pace; S-ro Luigi Minnaia.

c) *Membroj :* Libt. Ascenzio Blasimme, F-ino Eileen de B. Daly, Prof-ro Gaetano Facchi, Libt. Kav. Ermanno Filippi, Prof-ro Francesco Fresco, Libt. Prof-ro Corrado Grazzini, Prof-ro Stefano La Colla, D-ro Prof-ro Bruno Migliorini, D-ro Elio Migliorini, D-rino Prof-ino Carolina Minio-Paluello, D-ro Prof-ro Vincenzo Musella, Kap. Kav. Franco Ramolfo, Libt. Kav. Amerigo Reni, D-ro Prof. Inĝ. Raffaele Tancredi.

3. *Organiza Oficejo.* — Ĉion koncernantan la Kongreson bv. adresi *nur* al « Esperanto-Centro Itala » Galleria Vittorio Emanuele 92, Milano.

Telegramadreso : Esperanto, Galleria 92, Milano.

Poŝtĉeka konto : Esperanto-Centro Itala, 3/18715, Milano.

Skribante, Kongresanoj bv. noti *ĉiam* sian Kongresnumeron, troveblan : en la listo de la Kongresanoj; en la Provizora Kongreskarto; sur la kovertoj aŭ banderoloj de la sendajoj el Milano.

Skribante, oni afable ripetu ĉiam sian kompletan, precizan, klaran adreson.

Pagojn oni faru per la poŝtĉeka konto 3/18715, Milano, aŭ per poŝta mandato, aŭ banka ĉeko, aŭ per monbiletoj aŭ alie : se per banka ĉeko, oni uzu « rondirajn ĉekojn » (pageblajn ĉe vido) sur itala Banko, ne ĉekojn el persona konto ĉe iu Banko en sia lando.

La Organiza Oficejo havas konton sub nomo « Esperanto-Centro Itala » ĉe Banca Commerciale Italiana, Piazza della Scala, Milano.

Fremdajn valutojn oni akceptas laŭ la kurzo de la alventago.

*GRAVE ! Por ĉiuj pagoj, oni uzu nur la nomon « Esperanto-Centro Itala », neniun alian !*

Por malaltigi la *gigantajn poŝtelspezojn* de la Organiza Oficejo, oni afable ne forgesu aldoni al siaj korespondajoj respondkuponon. Pro tio la L.K.K. antaŭdankas sincere.

4. *Kotizoj.* — Baza kotizo 100 it. liroj. Estas konsentitaj favorkotizoj por familianoj kaj junuloj, detale montritaj en la aliĝiloj. Rabato por fruaj aliĝoj, ĝis 30 de aprilo 20 %; ĝis 30 de junio 10 %.

Familianoj kiuj rajtas ricevi la favorkotizon estas : edz-(in)o kaj gefiloj : kondiĉe ke ili apartenu *efektive* al la sama familio, do kune loĝantaj.

Estas fiksita speciale notinda kotizo por *Institucioj* kaj Entreprenoj, *Firmoj, Grupoj*, ktp., kiuj, eĉ ne povante sendi propran reprezentanton, deziras esprimi sian intereson kaj sendi sian aprobon al la celo de la Kongreso mem. Tiuj Helpkongresanoj ricevos la ĉefajn Kongresdokumentojn, ne rajtos (per la speciala kotizo) sendi reprezentanton, sed ili tre forte subtenos morale la Kongreson, se ilia nombro estos alta, kiel esperinde.

La L.K.K. vokas la atenton de ĉiu fervora propagandisto al tiu aliĝo de Helpkongresano : facile per ilia laboro, multaj Komercaj ĉambroj, Internaciaj Foiroj, gravaj entreprenoj, Lernejoj, Institutoj, kaj unuavice Esperanto-Grupoj, estos varbataj kiel Helpkongresanoj; ili povos iĝi miloj kaj miloj, kaj prezenti al la Itala Registaro imponan kolektivan forton, kiu certe treege influos por la morala efiko de la Kongreso mem en la oficialaj rondoj de Italujo, kaj ankaŭ de la cetera tuta mondo.

Oni uzu por tia varbado laŭbezone la argumenton, ke per la aliĝo la Firmoj ricevos *tre grandan reklamon*; tial ke ilia nomo aperos presite en ĉiuj Kongresgazetoj, Kongresdokumentoj, Kongresraportoj, kaj restos en la Bibliotekoj de miloj da Kongresanoj.

Post la aliĝo, la Institucioj ricevos, kiel ateston pri ricevo de mono, Kongreskarton, kaj ĉiujn aliajn dokumentojn, Kongresan Libron, ktp.

La kotizo de Helpkongresano ne rajtigas je rabatoj, kaj estas L.40.— senescepte.

La kongreskotizoj estas nek repageblaj nek transdoneblaj, pro leĝaj kaŭzoj.

5. *Donacoj.* — Danke oni akceptas eĉ malgrandajn donacojn por la Kongresa Kaso kaj por la Blindula Kaso.

6. *Rajtoj de la kongresano.* — Ĉiu Kongresano rajtos partopreni la kunsidojn de la Kongreso kaj la prelegojn de la Somera Universitato, ĉiujn oficialajn akceptojn, festojn de la Kongreso, kaj similajn aranĝojn.

Ĉiu Kongresano, krome, rivceos grandajn rabatojn ĉe la kotizoj de la Turismaj Aranĝoj de UEA. — Turisma Servo (komisie : Esperanto-Centro Itala) en kunligo kun la Kongresprogramo.

La partopreno al tiuj aranĝoj (kompreneble tute ne deviga, sed laŭvola) certigos al ĉiu Kongresano kvazaŭ repagon ĝis pli ol 2 trionoj de la Kongresa kotizo, nur dank'al la koncernaj rabatoj.

Sed, ĉiuj favoraj turismaj kotizoj, anoncitaj en la Unua Oficiala Komuniko kiel validaj ĝis 31.1.35, estas prokrastataj (kun nur etaj modifoj) nur ĝis la fino de aprilo, kondiĉe ke la pago *alvenu antaŭ tiu dato* al Esperanto-Centro Itala.

Ĉiu Kongresano ricevos la oficialajn raportojn de UEA kaj de la aliaj oficialaj Institucioj de nia movado; li ricevos, krome, la eldonaĵojn de la LKK, kaj la numerojn de la Kongresa Gazeto « L'Esperanto » kaj la specialajn Kongresnumerojn de « Heroldo de Esperanto » post la dato de aliĝo.

*Premioj lotumitaj inter la frupagintoj.* — Laŭ la promeso donita en la Unua Oficiala Komuniko, estas lotumitaj la 6an de februaro vespere, en la sidejo de la L.K.K. en Milano, en ĉeesto de tri gesamideanoj atestantoj, age de la Direktoro de « Esperanto-Centro Itala », la premioj por fruaj aliĝintoj de N-ro 1 ĝis N-ro 461; kies kotizo alvenis ĝis la 31.1.35 vespere, aŭ estas garantiata ĝis tiu momento de eksterlandaj Karavanestroj, rajtigitaj kolekti aliĝon. Jen la rezulto de la lotumo.

KONGRESANO

| Premio | | |
|---|---|---|
| 1. Kongresa Ekskurso | n. 441 | S-ro H. Hattemer, Solothurn (Svislando). |
| 2. Infero (Dante) | n. 446 | F-ino D. Bordogna, Brescia (Italujo). |
| 3. » » | n. 161 | S-ino A. Moreau-Charmasson, Orleans (Francujo). |
| 4. Historio de Kristo | n. 118 | S-ino E. Varev, Tallin. |
| 5. » » » | n. 139 | F-ino F. M. Smith, Ipswich. |
| 6. Kurioza Okazajo | n. 70 | Mons. E. Violi, Milano (Ital.). |
| 7. » » | n. 85 | F-ino G. Peterson, Tallin. |
| 8. » » | n. 256 | S-ro T. Hallerstrom, Vingaker (Svedlando). |
| 9. » » | n. 10 | S-ro Kolon. J. Mangada-Rosenörn, Madrid. |
| 10. » » | n. 224 | D-ro Ch. Fawcett, London. |

Inter la aliĝintoj ĝis la fino de Aprilo, oni lotos 7 premiojn, nome : 1a premio, *Senpaga Kongresa Ekskurso*; 2a ĝis 4a « La Vendreda Klubo »; 5a ĝis 7a, « Esperanta Legolibro » (Migliorini).

La L.K.K. esperas, ke tiuj modestaj premioj, tamen ŝatindaj donacoj, instigos la amikojn-samideanojn el la tuta mondo aliĝi frue, aliĝigi frue kaj multenombre.

7. *Datoj de la Kongreso.* — Jen la ĉefaj tagoj de la Kongresaranĝoj :

En Firenze : 3 aŭg. malfermo de *Somera Universitato.*

En Roma : 5 aŭg. *solena malfermo de la Kongreso.*

En Roma : 7 aŭg. ĉefaj kaj fakaj kunsidoj. Internacia Balo.

En Napoli : 9 aŭg. Granda Kongresa Ekskurso.

En Napoli : 10 aŭg. *fermo de la Kongreso.* Komenco de la Kongresa Krozado al Afriko.

En Genova : 17 aŭg., fino de la Kongresa Krozado. *Fermo de la Somera U.*

Oni povas diri ke la unua semajno (Firenze-Roma-Napoli) enhavos la ĉefajn Kongreslaborojn, kaj ke la dua semajno, de vendredo 9 al sabato 17, enhavos la plej interesajn prelegojn de la Somera Universitato (sur la ŝipo de la Kongresa Krozado) kaj la plej interesajn partojn de la granda turisma vojaĝo al Italio, ĝis la malproksimega Sudo, ĝis la blanka Afriko.

8. *Sidejo de la Kongreso.* — La oficiala sidejo de la Kongreso estos en *Roma.*

Sed la tuto de la Kongresaj aranĝoj disvolviĝos sinsekve en : *Firenze* (1 t.), *Roma* (4 t.), *Napoli* (3 t.), *Mediteranea Maro* (Kongresa Krozado, 7 t.), *Genova* (1 t.). Tiamaniere, la densa, devige plurtaga Kongresa laborprogramo, permesos, anstataŭ malhelpi, *la eluzadon de la libertempo* por viziti la tutan landon.

9. *Somera universitato.* — Ĝian organizon afable prezidos D-ro Prof-ro Bruno Migliorini de la Universitato de Fribourg, Vic-Prezidanto de la E.-Akademio. Ĝia ĉefa celo estos plivalorigi laŭ kultura vidpunkto la vojaĝon al Italio kaj al Afriko.

Afable jam akceptis prelegi ĉe la 11a S.U., D-ro Prof-ro Vincenzo Musella el Napoli.

Dezirante anonci sin per prelego en la S.U., oni sendu afable du kopiojn maŝinskribitajn de la petletero, kun ĉiu necesa detalo, al « Esperanto-Centro Itala », Milano.

10. *Kongresa Krozado.* — Detaloj sekvos en la Tria Oficiala Komuniko kaj en la Kongresa Gazeto « L'Esperanto » (Torino) kaj ankaŭ en « Heroldo de Esperanto ».

La aliĝintoj kiuj rajtas, laŭ informoj antaŭe aperintaj, partopreni la Loterion de Tripoli, havas regule sian promesitan sesonon de bileto en depono ĉe « Esperanto-Centro Itala ». Ĝustatempe oni informos pri la koncernaj biletnumeroj de la Loterio.

La partopreno en la Loterio estas prokrastita ĝis 28.2. 1935 !

11. *Fakaj kunsidoj.* — Intertempe oni anoncis la jenajn Fakajn Kunsidojn :

1. *Radio-kunveno:* S-ro Jungfer, Lindenstr. 10, *Lübben* (Spreewald-Germanujo).
2. *Unuiĝo de Esp. Virinoj:* S-ino Nora Kozma, Andrassy-ut. 5, *Budapest* (Hungarujo).
3. *Stenografistoj:* S-ro Flageul, 9, Boul. Voltaire, *Issy-les-Moulineaux* (Seine-Francujo).
4. *Komercistoj* (en preparo) : S-ro Robert Kreuz, Direktoro de UEA, 1, Tour de l'Ile, *Genève*, Svislando, (provizore).
5. *Mekanikistoj kaj Tornistoj:* S-ro Giovanni Ferraris, Via Vecchia dei Baliani, 6, *Cristo* (Alessandria, Italujo).
6. *T.A.G.E. (Tutmonda Asocio Geinstruistoj Esperantistoj):* S-ro P. Korte, Schoolstraat 13, *Veendam* (Nederlando).
7. *Marista Ligo Esperantista:* S-ro Holger Ekblad, Villa Skogbacka, *Kvicksund* (Svedlando).
8. *Internacia Societo de Esperantistoj Juristoj:* S-ro Adv. Chapron, 32, rue des Champs, *Le Mans* (Francujo).
9. *Sportistoj:* F-ino Clelia Guglielminetti, Via Montecuccoli 9, *Torino* (Italujo).

Interesuloj sin turnu nur al supre indikitaj adresoj; oni informu resume la Oficejon « Esperanto-Centro Itala ».

12. *Turismaj aranĝoj.* — Grandan intereson vekis la grandioza turisma programo organizata de UEA-Turisma Servo, kaj, komisie, de la L.K.K. per sia Oficejo.

Ĝis fino de januaro jam alvenis proks. 180 aliĝoj por la vojaĝo « Tra Italio ».

Klarigante noton aperintan en la n-ro 11-12, 1934, de « L'Esperanto », oni atentigas, ke *neniu krompago* estas postulota de la partoprenantoj la Vojaĝon « Tra Italio » kiuj envenos tra landlimo *Ventimiglia* aŭ landlimo *Modane*, kaj ke ili *povos veturi* al Roma-Napoli *tra Firenze*, por partopreni la tutan programon.

La izoluloj, kiuj ne partoprenos la vojaĝon « Tra Italio », venantaj tra Ventimiglia aŭ tra Modane povos aĉeti bileton al Roma-Napoli *petante la vojon tra Firenze, anstataŭ la plej rekta vojo tra Livorno-Grosseto:* ĉar tiu estas unu el la *konsentitaj devojiĝoj.* Ili sekvos la vojon Genova-Pisa-Firenze-Arezzo-Chiusi-Roma.

La aliĝo al la Turismaj Aranĝoj de UEA—Vojaĝo « Tra Italio » kaj Kongresa Krozado « Al Afriko », kompreneble ne estas devigaj por Kongresanoj, nur varme rekomendataj : la Kongresprogramon povos sekvi tre bone ankaŭ la Kongresanoj kiuj vojaĝos izole, kaj aparte de la diritaj aranĝoj.

Mendojn por la Vojaĝo « Tra Italio » kaj por la Kongresa Krozado oni sendu kun plena pago, aŭ almenaŭ kun garantia antaŭpago da po 200 liroj. Sen tio, la mendoj ne povos esti konsiderataj. La plenpagintoj ricevos tamen preferon.

La plenan pagon oni devos sendi antaŭ la 20a de junio; aliĝojn aŭ saldojn post tiu limo estos akceptataj sen garantio pri plena plenumo de la servoj.

Ĉiujn detalojn pri Turismaj aferoj oni bv. legi en la gazetoj «L'Esperanto» (Torino), «Esperanto» (UEA) kaj en «Heroldo de Esperanto ».

13. *Fervojaj Rabatoj.* — La rabatoj anoncitaj de la fervojoj estas ofte *nur ŝajne* tiom altaj, kiom indikite, ĉar por validigo de la revenbileto estas postulata speciala pago en la cel-urbo. Kontraŭe, la rabatoj kiujn la L.K.K. certigos al la Kongresanoj estos *efektivaj* je la procento indikita; *neniu krompago por validigo* de la revenbileto estos postulata.

Estos verŝajne certigita al la eksterlandaj Kongresanoj rabato pli alta ol 50 % por la irvojaĝo kaj por la revenvojaĝo, kiuj povos okazi laŭ malsama vojo, tra malsamaj limoj.

Unu el la plej *gravaj favoraĵoj* kiujn la L.K.K. sukcesis certigi, estas la disdono de po 5 *rabatiloj por liberaj vojaĝoj en Italujo je duona prezo.* Per tiu ĉi rabatiloj la partoprenintoj de la vojaĝo « Tra Italujo » povos malkare eluzi la revenvojaĝon por viziti laŭplaĉe urbojn ekster la rekta vojo al la limo.

Jam konsentis rabaton al la Kongresanoj la jenaj eksterlandaj fervojoj : Belgaj (de 15.7 ĝis 31.8 : 35 %), Francaj, Hispanaj (detaloj sekvos).

Oni atendas similajn rabatojn de la fervojoj Aŭstriaj, Svisaj, kaj aliaj.

14. *Loĝejoj kaj manĝoj.* — La mezaj oficialaj prezoj por hoteloj iom varias de urbo al urbo, ankaŭ pro la iom malsamaj lokaj impostoj. Bona komforta ĉambro en konvena hotelo duaklasa kostas ĉ. 14 lirojn; en unuaranga, 20 lirojn; en luksa, 30 lirojn aŭ iom pli multe. Ĉiuj diritaj prezoj por ĉambroj sen aparta banejo, kaj sen matenmanĝo. En la ĉefaj urboj luksaj hoteloj postulas kelkfoje pli altan prezon ĝis 40-50 liroj por ĉambro.

Plena matenmanĝo kostas meze 4-5 lirojn (en luksaj hoteloj : 7-9 L.); tagmanĝo aŭ vespermanĝo kostas laŭ lokoj kaj urboj de 7 ĝis 15 lirojn (15-18 en luksaj hoteloj). Por 10 lirojn oni povas ricevi kontentigan plenan manĝon.

15. *Ĝenerala Programo.* — Jam aperis en pluraj Esperanto-gazetoj aŭ revuoj la Kongresa programo, la Turisma programo de la vojaĝo « Tra Italio », kaj la programo de la Kongresa Krozado « Al Afriko ».

**Al parto de nia februara numero estas aldonita esperanto-prospekto de la ekspozicio «Flora» en Heemstede (Nederlando), kiun ni rekomendas al la atento de nia legantaro (Komp. artikolon sur pĝ. 30) La prospekto ankaŭ estas ricevebla de la C.O. laŭ peto.**

# LINGVA PRAKTIKO

**Tradukado kaj fakterminaro**

Kompare al ĉiuj naciaj lingvoj, Esperanto estas tre facila lingvo. Por la ĉiutaga, komuna lingvo ĝi montriĝas ne nur ekstreme taŭga, sed ankaŭ kiel instrumento mirinde simple manipulebla. Estas klare, ke tia uzebleco tamen necesigas bonan konon de ĉiuj elementoj de l'lingvo. De la grado de tiu ĉi kono dependas la persona perfekteco.

Samamaniere la traduko en Esperanton aŭ el ĝi estas senteble pli facila ol tia de naciaj lingvoj. Niaj gazetoj ofte enhavas majstrajn tradukojn kaj ne estas dubo pri tio, ke eĉ mezbonaj tradukoj pli precize reproduktas la originalon ol kiaj ajn tradukoj el naciaj lingvoj. En la literaturo la ĉefafero ne estas la laŭvorta traduko; la senco kaj spirito de l'originalo devas esti reproduktataj. Koncerne la buŝan tradukadon, la internaciaj fak-konferencoj, uzintaj Esperanton kiel traduk-lingvon, ja brilis per siaj rezultoj.

Tute nature la malfacileco de traduko kreskas proporcie al la malfacileco de la materio pritraktata. La tekniko ekzemple postulas absolutan precizecon. La eblecoj de malĝusta tradukado estas tre oftaj en ĝi. En la naciaj lingvoj la malfacilaĵoj estas tre grandaj, ofte apenaŭ venkeblaj. La teknika tradukado ne nur postulas plenan scion de la komuna lingvo, ne nur lertecon kaj sperton, sed ankaŭ sufiĉan konon de la koncerna fako. Nur specialistoj kaj fakuloj kapablas absolute taŭge kaj kompreneble traduki. Tio ankaŭ validas por Esperanto. Ĉu Esperanto mem estas sufiĉe taŭga kiel faka lingvo ? La praktikisto devas respondi, ke jes. Esperanto, ankaŭ kiel faka helplingvo jam pruvis sian kvaliton. Por plej diversaj fakoj kaj branĉoj ekzistas teknikaj vortaroj, aŭ estas kolektitaj fak-esprimoj. Ĝenerale la materialo jam ekzistas. Ĝi devas esti kontrolata, reviziata, perfektigata kaj adaptata al la bezono. Por la kompletigo de la materialo la naciaj lingvoj, kiel bazelemento de la helplingvo, estas riĉaj fontoj por ĉerpado.

Iuj fakistoj asertas, ke ili ne sukcesis, precize traduki teknikajn tekstojn. Laŭdire la koncerna fakterminaro ne estas sufiĉa, aŭ fak-esprimoj tute ne ekzistas jam en Esperanto. Ni ne pretervidu la efektivajn malfacilaĵojn. Tamen tre ofte ni konstatas, ke tiuj fakistoj aŭ ne sufiĉe konas nian lingvon ĝenerale aŭ ne havas sufiĉan sperton pri ĝia uzo. Evidente, ankaŭ la faka lingvo devas disvolviĝi kaj evoluiĝi per la praktika uzo.

El tiaj nesufiĉaj kono aŭ sperto rezultas kutime la emo de kreo de novaj « urĝe bezonataj » fakterminoj. Alia tendenco estas havi je dispono mallongajn vortojn. Laŭdire la faklingvo ne toleras balaston kaj la fakisto ne havas tempon por perdi. Pri tio oni forgesas, ke distingo inter parolata kaj skribata lingvoj estas necesa. Preciza observo de la naciaj lingvoj, el kiuj ni ĉerpas, estas necesa ankaŭ tiurilate. Jen 3 ekzemploj, komparitaj kun la nacilingvaj fak-terminoj, kiuj montras eblecojn kaj vojojn irotajn :

1) A : *Canalisation articles*
F : *Articles pour canalisations*
G : *Kanalisationsartikel*
H : *Articulos de canalización*
I : *Articoli per canalizzazione*
} *Artikoloj por kanallaboro*

2) A : *Grease-proof paper*
F : *Papier cristal*
G : *Butterbrotpapier*
H : *Papel para envolver mantecadas*
I : *Carta impermeabile*
} *Pergamenpapero (por enpaki buteron)*

3) A : *Boiler for use with waste gas*
F : *Chaudière de récupération thermique*
G : *Abhitzkessel*
H : *Caldera calentada por el calor de los gasos o vapores de escape*
I : *Caldaia per utilizzare il calore dei gas perdutti*

*Kaldrono por utiligo de perdiĝa varmo*

Tri aliaj ekzemploj el nia praktiko neniigu la ĝeneralan postulon pri absoluta mallongeco de fakterminoj, kiu ankaŭ ne ekzistas en naciaj lingvoj :

1) A : *Machine for manufacturing match-boxes*
F : *Machine pour la fabrication de boîtes à allumettes*
G : *Zündholzschachtelfabrikationsmaschine*

Esperanto :

Maŝino por fabrikado de alumet-skatoloj

2) A : *Match-boxes filling machine*
F : *Machine à remplir les boîtes à allumettes*
G : *Zündholzschachtelfüllmaschine*

*Esperanto :*

*Maŝino por plenigi alumet-skatolojn*

3) A : *String cutters*
P : *Coupe ficelle*
G : *Bindfadenabschneider*
Esperanto : *Ŝnuret-detranĉilo.*

La ekzemploj, donitaj laŭ persona praktiko, pruvas nian vidpunkton. Tradukistoj kaj fakvortaristoj krom lingva kaj faka konoj ankaŭ devas havi kreo-povon, kiam la pure lingvaj iloj ne sufiĉas plene. Ekzemplo el la varo-listo de la iamaj Internaciaj foiroj de Frankfurto (prilaborita de la aŭtoro) montru tion :

A : *Dress-preservers*
F : *Dessous-bras*
G : *Schweissblätter*
H : *Desudadores*
I : *Sottascelle*

Dume « preciza » tradukado unue kondukis al « Subakselaj ŝvit-ŝirmiloj », la praktiko kreigis nin, post detala studo, korespondado kaj interkonsiliĝo, la konvencian fakvorton « Braksuboj ».

En nia artikolo ni devas nepre substreki la gravecon de la fakterminaro. Ĝi postulas konstante seriozan lingvan, fakan kaj sciencan esplorojn. Lingvistoj kaj praktikistoj devas kunlabori por tio. Niaj lingvaj institucioj devas, pli ol ĝis nun, koncentri ĉirkaŭ si la rilatan laboron. Niaj centraj instancoj ĉiel devas akceli la koncernajn klopodojn. Ĉiu iniciato devas esti konata al ambaŭ, por ke ĉiu farata laboro estu efektive utiligata por la surkonstruo de nia helplingvo Esperanto.

Robert KREUZ.



# Bibliografia Servo de UEA

## Novaj libroj 1935

D-RO JOZEFO TAKÁCS : Jarlibro de Tutmonda Asocio Kolektanta (TAK) Pro la Jaro 1934. Eldonis T.A.K. Paĝoj 11. Formato 11,5 × 15,5 cm. Prezo sv. frk. 1.— (1935-12).

D-RO JOZEFO TAKÁCS : Poŝtkatalogo de la Esperantaj Por-Okazaj Glumarkoj. Eldonis T.A.K. 36 paĝoj. Formato 11,5 × 15,5 cm. Prezo sv. Frk. 0.70. (1935-13).

Taquigrafia Catalana. Sistema Boada — Adaptacio de Delfí Dalmau. Bona per a francès, anglès, italià, portuguès, espanyol i Esperanto (Metode Didacte), 1935, Barcelona, Apartat 5081. 19 × 12 cm. 95 pĝ. Prezo ne indikita. (1935-14).

*E. Lanti :* L'Esperantisme proletarien. Eldonis Fed. Esperantiste ouvrière, 115 Bd. Aristide-Briand, Montreuil. 48 paĝoj. Formato 18 × 12 cm. Prezo Fr. fr. 2.75 (1935-15).

*Heinz Jakob :* Me lernas Ido. Eldonis Ido-Centrale, Soorstr. 75, Berlin-Charlottenburg 9. (1935-16).

*Heinz Jakob :* Esperant-Ido. Eldonis Germana Ido-Federuro, Berlin-Charlottenburg 9. 67 paĝoj. Formato 10,5 × 15 cm. Prezo RM. 1.— (1935-17).

*Heinz Jakob :* Internac. Lernolibro por Esperantistoj. Eldonis Germana Ido-Federuro, Berlin-Charlottenburg 9. 32 paĝoj. Formato 10,5 × 15 cm. Prezo RM. 0.50 (1935-18).

*Publications du Bureau international d'éducation :* L'admission aux écoles secondaires. Eldonis Bureau international d'éducation, 44, Rue des Maraîchers, Genève. 220 paĝoj. Formato 24 × 15.5 cm. (1935-19).

*Bureau international d'éducation :* Annuaire international de l'éducation et de l'enseignement 1934. Eldonis Bureau international d'éducation, 44, Rue des Maraîchers, Genève. 482 paĝoj 15,5 × 24,5 cm. (1935-20).

*D. Simon :* La Morea-Perlo. Trad. R. Delpasko. Eldonis Esperanto-Presejo, Zuid-Koninginnewal 14-18, Helmond. (Ned). 223 paĝoj. Formato 13,5 × 19 cm. (1935-21).

## Recenzoj

F. von Kunovski. Mit der Wurzelschrift zum Lesen und Schreiben (Pere de la radika skribo al legado kaj skribado). En kunlaboro kun Stud. Konsilisto D-ro Szymanzig, Dr. Fr. Höke kaj A. J. Christoffels, Eldono de la Aŭtoro 1934. Havebla pere de la Esplora rondo « La nova vojo al la skribo » Jägerhofstr. 17, Elberfeld. (En germana lingvo).

La verko, kvankam faka, meritas nian atenton pro 2 kaŭzoj. La ekstera estas, ke ĝi prezentiĝas kiel kolektiva ellaborajo de adeptoj de nia lingvo. Generalo D-ro von Kunovski estas aktiva esperantisto. Li estas konata kiel aŭtoro de stenografio kaj kiel eminenta esploristo kaj scienculo en tiu ĉi kampo. La kunlaborintoj havas renomon kiel stenografiaj fakuloj. Direktoro D-ro Höke propagandas de longe Interstenon. Redaktoro A. J. Christoffels estas esperantisto de ĉ. 30 jaroj. La interna kaŭzo estas la temo mem, nome la ebleco uzi stenografion kiel unuan ŝtupon por la instruado de l'skribo kaj lego al infanoj. La aŭtoro rekomendas sian stenografi-sistemon kiel « radikan skribon » por tiu ĉi celo. Efektive la libro prezentas en konvinka maniero, ke la ideo estas realigebla. La kunlaborantoj kontribuas per konigo de praktikaj rezultoj el eksperimentado. Estas menciinde, ke la stenografi-sistemo de Kunovski reale estas unu el la plej rimarkindaj aperajoj de la moderna stenografi-evoluo. La temo estas pritraktite ĉefe kiel germana eksperimento, sed alie vidite estas internacia problemo jam esplorita. Kiu interesiĝas kaj okupiĝas pri ĝi devas koni ĉi tiun broŝuron.

R. K.

Taquigrafia Cataluna Sistema Beada : Adaptació de Delfí Dalmau. Bona per a francès, anglès, italià, portuguès, espanyol i Esperanto (Metode Didacte).

Nia konata samideano Delfí Dalmau, posedanto kaj direktoro de komercaj lernejoj en Katalunujo, konatigas nin kun stenografi-sistemo, originale kataluna. La sistemo montras la riĉecon je materialo de signoj, elbiganta rapid-skribadon. Laŭ karaktero ĝi estas kreajo inter la geometriaj kaj kursivaj sistemoj, aplikanta la principon de fonetiko. La vokaloj havas alfabetajn signojn. Simboliko estas uzata por konsonantoj similaj. La elementa skribo aspektas iom krude. La skrib-provoj en metagrafio (mallongigita grado) por komerca uzo kaj precipe por parlamenta rapideco tamen montras la fluecon de la sistemo. La lernolibro karakteriziĝas per metoda prezento sufiĉe originala de sperta lingva pedagogo.

R. K.

*Manuel de conversation à l'usage des touristes.* — *Eldonis Alliance Internationale de Tourisme, Bruxelles.*

La frazlibro (diras Jerome K. Jerome) komenciĝis « Sur Vaporŝipo », kaj finiĝis « Ĉe la Kuracisto ». Sian plej longan ĉapitron ĝi dediĉis al konversacio en fervoja kupeo, meze de aro da ŝajne kverelemaj kaj neĝentilaj frenezuloj. « Ĉu vi povus vin movi pli malproksimen de mi, sinjoro ? » — « Estas neeble, sinjorino, mia najbaro tie ĉi estas tre grasa. » — « Ĉu ni ne provu ordigi niajn krurojn ? » — « Afable ne vin ĝenu, sinjorino, se mia ŝultro povas komfortigi vin », (ĉu oni diru tion sarkasme, nenio tion indikas) ; — « Mi efektive estas devigata vin peti formovi vin, sinjorino, mi apenaŭ povas spiri » (verŝajne laŭ la penso de l'aŭtoro, la tuta ĉeestantaro jam formas amason sur la planko).

Tiel Jerome povis skribi pri plurlingvaj frazlibroj antaŭ tridek kvin jaroj, en sia « Three Men on the Bummel ». Sed la moderna frazlibro estas tute alia afero : ĝi estas praktika, preciza, senerara, malmultvorta kaj konversacieca. Ĉi tiu « Manuel de Conversation » estas tre bona specimeno de sia speco. Ĝi donas la plej necesajn frazojn en ok lingvoj : franca, holanda, germana, angla, itala, hispana, dana kaj Esperanta. La lasta lingvo tute pruvas la modernecon kaj progresemon de la kompilintoj.

La vivofakoj traktataj koncernas certe preskaŭ ĉiujn aventurojn kaj problemojn, kiujn la normala turisto povos renkonti. Ili enhavas la jenajn : fervojo, ŝipo, doganejo, hotelo kaj restoracio, sur la vojo, poŝtoficejo, ĉe la mekanikisto, kuracisto, farmaciisto kaj bankisto, kaj multaj aliaj.

La frazoj mem (certe en la lingvoj kiujn mi povas iagrade kontroli) estas simplaj, klaraj — kaj naturaj. Enestas tre malmultaj eraroj (malofta boneco ĉe ĉi tia verko), sed dum rapida tralego mi rimarkis la jenajn strangaĵojn : *Bonvolu enlasi mian T.S.F.-an aparaton* (t.e. radio-aparato) ; *Donu platon por mia bicikleto* (plako, biciklo) ; *mi povas esti repagata de la garantiaĵo, kiun mi deponis* ; *Bonvolu glatigi vestojn* (gladi aŭ gladigi).

Tamen, spite ĉi tiujn maloftajn eraretojn, la libro estas la plej bona de la speco, kiun mi ĝis nun vidis, kaj estos tre utila al ĉiu vojaĝanto en la koncernaj landoj.

L. N. Newell.

**La Gaja Lernolibro de Esperanto por sininstruo** de C. Walter aperis en dua eldono. Merita kaj ĝojiga sukceso. La instrumaterialo estas sprite kaj zorgeme kunmetita. Jam de la unua paĝo sole Esperanto estas uzata. Nur la antaŭparolo kaj la elparolado de nia alfabeto estas donitaj ankaŭ en angla, franca kaj germana lingvoj. Ĉiu paĝo estas facila kaj tute sufiĉa preparo por la bona kompreno de la sekvanta. Tralaborinte la libron — kio dank' al la aranĝo ne postulas apartan streĉon, — la lernanto posedos konon de la malfacilaj literaturaĵoj. La 120 bildoj de Peter Thienhaus estas grafike valoraj. Klara, pura preso ; bonkvalita papero. Bedaŭrinde preseraroj estas ne tute evititaj (ekz. p. 13, bildo 16 : ol anstataŭ ok ; p. 16, b. 27 : biero estas erare presita per grasaj literoj). En la titolo ni anstataŭus « sininstruo » per « meminstruo ». Ĉiu lernado ja estas sininstruo. Ni tre varme rekomendas la Lernolibron.

M. M-vo

Pro manko da loko tre leginda artikolo « Tra la libraro » de nia longjara kunlaboranto s-ro Prof. G. Stroele devas esti remetata por la proksima numero.

## Florekspozicio en Heemstede apud Harlemo

15 Marto-19 Majo 1935.

La duna regiono de la nederlandaj provincoj Nord- kaj Sudholadno estas mondkonataj pro siaj multkoloraj bulbokampoj dum la printempo. Miloj da eksterlandanoj ĉiujare vizitas la ĉirkaŭaĵojn de Harlemo, por ĝui la freŝajn, helajn kolorojn de multspecaj bulbokreskaĵoj.

Dum la supre menciita periodo okazos grandioza florekspozicio, kiu okupos 25-hektaran terenon kun aleoj, herbejoj kaj lagetoj. Pli ol 5.000.000 da florbulboj, pli ol 100.000 plantoj, arboj kaj arbustoj en la venonta printempo florados honore al la floramanta publiko el ĉiuj mondpartoj.

La organiza komitato de la ekspozicio eldonis simplan, sed klaran kaj bonlingvan sespaĝan *faldfolion esperantan* por inviti ankaŭ la esperantistan publikon al plej bela kaj riĉa florfesto en Nederlando.

Gesamideanoj, petu *senpagan alsendon* al S-ro E. de Wolf, ĝenerala sekretario de la Nederlanda Asocio Esperantista « L.E.E.N. », Joh. de Breukstr. 18, Harlemo, Nederlando.

Vizito al la ekspozicio povos koincidi kun *partopreno en la VIa Nederlanda Esperanto-Kongreso*, organizota de « L.E.E.N. », je la 30a de Marto en Harlemo. Ankaŭ tie eksterlandaj gesamideanoj estos kore bonvenaj. Por informoj oni sin turnu al la sama adreso.

Aliajn gazetojn ni afable petas, represi ĉi tiun artikoleton kaj sendi ekzempleron al : Direkcio « Flora », Heemstede (Nederlando).

---

### FABELA LUDO POR BLINDULOJ

En la Internacia Blindulkongreso, okazinta dum la 26 Universala Kongreso, oni ludis fabelan ludon, verkitan de S-ino Varma Thilander. La direktoro de la Blindulinstituto Reĝo Aleksandro Unua de Jugoslavio, S-ro Veljko Lj. Ramadanovich, proponis senpage presi la verketon en la presejo de la Instituto kaj eĉ donacis la necesan paperon. Nun la verketo estas vendata profite de « Esperanta Ligilo » kaj de la « Universala Asocio de Blindul-organizaĵoj », kiuj travivas ekonomie malfacilajn tempojn. Ili ricevos la tutan enspezon. La verketo estas riceveblaj je la prezo de sv. frk. 0.50 de S-ro W. P. Merrick. Penso, Sheperton, Anglujo, aŭ S-ro H. Thilander, Stocksund, Svedujo.

---

### Sukcesinta Ekspozicio

Ni aranĝis ekspozicion malgrandan k mallongan (du tagoj), sed tute ne atendite, ni akiris grandan sukceson, kaj ricevis abundajn materialojn de niaj fervoraj grupoj kaj unuopaj personoj en diversaj landoj.

Nia ekspozicio enhavas 247 libron, 180 gazetojn, pli ol 300 ilustritajn gvidlibrojn kartojn kaj belajn fotojn, poŝtmarkojn, kaj esp-signojn. Ĝi estis vizitita de mil personoj, el kiuj multaj promesis kunlabori por nia movado aŭ partopreni la kurson por la komencantoj.

Kun kora danko kaj saluto

Suĉua Esperanto-Asocio (Ĥinujo)

## HUMORO DE L'MONDO

(El la rakonta provizo de l'redaktoro)

**Du malsamaj brančoj**

A : Ĉu vi aŭdis, oni diras, ke la « Barbiro de Seviljo » estas bonega.

B : Povas esti — Sed de longe mi razas min mem.

**Senkulpigebla**

*Kuracisto:* (iom malkontente al vizitanto lastminuta), Nu, verŝajne vi ne scias, ke mia konsulta tempo estas de la 3-5 horoj.

*Vizitanto:* Certe, s-ro Doktoro, mi scias tion, sed ne la hundo, kiu min mordis antaŭ 10 minutoj.

**Latino de artistoj**

A : (iom vanteme al kolego) De post kiam mi finpentris la polusan pejzaĝon, 20° da malvarmo estas en mia laborejo — tiel reala estas la pentraĵo.

B : (neniel impresita). Ne komparebla ! Mi pentris Simsonon — kaj nun mi devas tondigi al li la harojn ĉiusemajne !

**Ne ordinara admiro**

S-ino (post la opero) : Ho, estas vi la majstra tenoro, kiu tiel mirinde kantis, ĉu ne ?...

Tenoro : jes, sinjorina moŝto, kiamaniere mi povas servi al vi ?

S-ino : Estu tiel afabla, voki tute laŭte : Johano — tio nome estas mia ŝoforo.



## INTERNACIA KORESPONDADO

Tri vortoj kostas sv. Frk. 0,30 (= 1 respondkupono). La nombro de vortoj ne estas limigita. Ĉiu el la mallongigoj, malsupre indikitaj, valoras unu vorton.

*Abonantoj rajtas unufoje en la jaro publikigi en "ESPERANTO" senpage anonceton pri korespondado, enhavantan ĝis 10 vortoj. Pluaj vortoj estas pagotaj — — — laŭ la supra tarifo. — — —*

La anoncintoj havas la moralan devon respondi almenaŭ unu fojon al ĉiu sekve de la anonco ricevita korespondaĵo.

**Mallongigoj :**

*bfl.:* poŝtmarko sur la bildflanko.
*c.r.:* certe respondos.
*dez.:* deziras.
*f-ino:* fraŭlino.
*gaz.:* gazeto.
*intŝ.:* interŝanĝo.
*k.ĉ.l.:* kun ĉiuj landoj.
*kor.:* korespondi.
*L.:* Letero.
*p.ĉ.t.:* pri ĉiu temo.
*PI:* poŝtkarto ilustrita.
*PK:* poŝtkarto.
*PM:* poŝtmarko.
*s-ino:* sinjorino.
*sro:* sinjoro.

*Ivry-sur-Seine* (Francujo). S-ro L. Buisson, 15 Colonie Alexandre PM.. kĉl. Anonceto ĉiam valida.

*Torshälla* (Svedujo) Torshälla Esp. Klubo dez. kor. kun geesperantistoj el ĉ.l., pri diversaj temoj, C.r. bfl. P.I.

*Gateshead* (Britujo) S-ro T. Pattinson, 20 Grasmere Str., L., P.I., k.ĉ.l.

Prosperplenan Nov-jaron al ĉiuj amikoj. Mi deziras ricevi novaĵojn de S-ro Alphonse Ellman kaj S-ro H. A. Dike. Respondu al Harry Hawker, 3548 Tryon Ave, Bronx, New-York City (Usono).

*Zaragoza* (Hispanujo) Francisco Gálligo, Armas 3, intŝ. PM. kun seriozaj filatelistoj el Eŭropo, laŭ diversaj katalogoj. Respondo nepre garantiita.

*Mânăstur, Jud-Severin* (Rumanujo). S-ro Toth Vasile, oficisto, L., PI., PM., gaz., c.r.

*Praha* (Ĉeĥoslovakio). S-ro Weleminsky, Jerusalemska 15 dez. korespondi pri specifa tuberkuloz-kuracado.

*Bardejov* (Ĉeĥoslovakio). S-ro J. Stekly, Berny urad, 34-jara ŝtata oficisto, PM., k.ĉ.l. kun seriozuloj laŭ Michel kaj mankolisto. Ne sendas unue. Respondo garantiata

*Montelupo Fiorentino* (Italujo). S-ro Lozzi Bruno kor. nur PM.

*Mogadouro-Bruço* (Portugalujo). Armando Martins, universitata studento, dez. kor. p.l kun hispan. k. orientaj fraŭlinoj. Sendas librojn de Camoes kontraŭ tiuj de grandaj verkistoj k. revuoj.

*Bystrice pod Hostynem* (Ĉeĥosl.). S-ro Ferdinand Greinecker, instruisto. Papilioj de la tuta mondo (nepreparitaj) kontraŭ rekompenco : PM, papilioj, fotografaĵoj, mono, ktp. Certe respondas.

*Roma* (Italujo). D-ro Elio Migliorini, Via Aless. Poerio 33, dum somero 1935 vojaĝos en sudorienta Europo por geografiaj studoj. Volonte interkonatiĝus kun jugoslavaj, bulgaraj, grekaj samideanoj.

*Lazne Belohrad* (Ĉeĥoslovakio.) S-ro Josef Fejfar, librotenisto, akceptas sendifektajn PM. ĝis cent pecoj interŝanĝe por la ĉeĥoslovakaj.

*Chlumec nad Cidlinou*, Machova ulice 226-IV (Ĉeĥoslovakujo). S-ro Vaclav Hladik PM. Ĉiam respondas.

*Giromagny* (T-re de Belfort-Francujo). S-ro Jean Gaume intŝ. PM., c.r.

*Dux* (Ĉeĥoslovakio). S-ro Rudolf Weiss, Bilinerstrasse 549, intŝ. PM.

*Clinton* (Missouri — Usono). S-ro Rex Booth, 517—N. 2nd Str., L., PI., Fotoj k.ĉ.l., precipe Greklando, Irlando, Islando, Turkujo kaj Afriko.

IMPRIMERIE GRANCHAMP, ANNEMASSE - 152-3-35.